XXV-a jaro. N° 342 (2) Monata Februaro 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.



## Esperanto en Universitatoj

Raportoj al Antverpena kongreso montris kiel nia lingvo progresas diversmaniere en universitatoj. Ĉe kelkaj fondiĝis esperanto-grupoj de studentoj, ĉe aliaj ankaŭ profesoroj aliĝis. Estas jam konate, ke pluraj japanaj scienculoj eĉ uzas la lingvon por verki artikolojn por eksterlando.

En kelkaj universitatoj nia lingvo eniris jam en programojn. Tio povas fariĝi ankaŭ diversgrade. Povas temi pri nura instruado de la lingvo. Tiaj kursoj estas la plej sukcesaj laŭ la nombro, sed ili povas okazi nur en komercaj fakultatoj, kie oni ankaŭ instruas aliajn lingvojn por praktikaj celoj.

Pli supera grado estas jam preparado de esperantaj instruistoj. Tiam la kurso povas okazi en pedagogia fakultato, se ĝi entenas tian preparan fakon, pli ofte apartan sub nomo de normala lernejo.

Por eniri kiel studa temo en beletristikan fakultaton, la kurso devas seniĝi je la praktika « utilema » celo. Ĝi devas esti pure scienca, t.e. Esperanto ne devas esti instruata, sed servi kiel kampo de lingva serĉado, same kiel homaj korpoj, bestoj aŭ kreskaĵoj servas en medicinaj aŭ sciencaj fakultatoj por observi funkciadon kaj evoluon de organoj.

Tia studado kompreneble haves nenian rilaton kun reformistaj mondlingvaj polemikoj. Neniu serioza universitatano sin okupas per diskutoj ĉu estus pli taŭga ke la homoj havu trian okulon ĉe la dorso, ke herboj estu ĉie bluaj anstataŭ verdaj aŭ ke la germana lingvo havu ĉiujn verbojn regulajn kaj forigu siajn deklinaciojn, kvankam Mark Twain estus gratulinta.

Por vera lingvisto, ne por amatora kritikulo, la scienca serĉado pri Esperanto tute ne konsistas rakonti al ni sian opinion, ĉu li konsideras, ke D-ro Zamenhof prave aŭ malprave elektis tiun aŭ alian formon, sed atente observi kiamaniere la formoj kondutis en la vivo depost 1887, kiel ili evoluis, grupiĝis, oftiĝis, maloftiĝis, influis unu la aliajn, sukcesis aŭ mortis, multiĝis aŭ alvokis novajn, konservis primitivan rolon aŭ akiris novan, k.t.p.

Sed je kio tio povas utili? Tion demandos senpacienca praktikulo, prave dezireganta vidi antaŭ ĉio surskribojn en Esperanto en la vagonoj de ĉiu fervojo. Nu, li ne haltu en sia urĝa klopodado. Tiaj lingvosciencaj studoj ne havas alian utilon ol la scienco mem. Je kio utilas kompari la gramatikon de la latinaj kaj germanaj lingvoj?

Ke Esperanto nun estas kampo por tia scienca studado pruvas ke ĝi fariĝis vivanta lingvo meritanta la respekton kaj observadon de la universitatuloj. Ĝi helpas definitive enterigi la tempon de teoriaj polemikoj inter projektoj de mondlingvoj. Ĝi devigas seriozajn homojn rigardi la faktojn interne kaj konstati kiel profunde jam adaptiĝis Esperanto al ĉiaj uzoj de la vivo kaj esprimoj de la homa penso.

Ĉu tio estas nenio? Ne. Ĝi estas eble la plej decida konfirmo. Se, anstataŭ entuziasma propagandilo, vi donas al universitatuloj la studon de Prof. Collinson pri la vortordo en Esperanto aŭ tiun de Prof. Aymonier pri derivado, ili ekkomprenos ke ne temas pri barbara artefaritaĵo, sed pri vera lingvo vivanta kaj pulsanta sub sentoj, kaj ili emos ĝin lerni kaj lernigi.

Simile por niaj Esperanto-instruantoj, estas necesa kaj grava bazo la kono de nia lingvo, ne nur laŭ teorio kaj ordonaj reguloj, sed laŭ ĝia propra vivinstinkto kaj vivspertoj. Plej bone instruus ĝin homo, kiu estus hazarde trovinta esperantotradukon de konata verko (ekz. Biblion) kaj estus mem malkovrinta la tutan gramatikon, tiel mirinde simplan.

En la beletristika fakultato de la ĝeneva universitato venontan printempon, ni intencas havi ĉiusabate konferencon pri tiuj temoj. Kursanoj alportos mem la rezultatojn de siaj serĉlaboroj. Ni esperas ke kelkaj eksterlandanoj ankaŭ venos partopreni. Instruistoj aŭ aliaj studemuloj povas ricevi permeson studi Majon kaj Junion kaj profiti aliajn kursojn, ankaŭ ĉe la supera Pedagogia Lernejo gvidata de Prof. Bovet.

Ni kore esperas, ke la ĝeneva fakultato ricevos kuraĝigon pro sia iniciato kaj ke aliaj universitatoj ankaŭ interesiĝos krom la Zagreba kaj Varsovia.

Edmond PRIVAT.

**Ĝis la fino de la monato Januaro repagis la kotizon por 1929 ĉ. — TRIMIL personoj el la 1928 a membraro de UEA ĉ. NAŬMIL. — Sekve estas ankoraŭ SESMIL kiuj devus repagi la kotizon. Ni tre petas ĉiujn, realiĝi kiel eble plej baldaŭ. Kaj plej bone estus fariĝi SUBTENANTO. Ne prokrastu !**

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## Nervecaj Infanoj

de S.J. YSSELSTEIN, Soerabaia.

(Originalaĵo)

Sendube estas jam tro multe elparolita diraĵo, ke ni vivas en tempo de nerva trostreĉiteco. Tamen la afero estas sufiĉe interesa por kviete percepti ĝin kaj esplori la kaŭzon, same kiel la rimedojn por kontraŭbatali ĝin, ...unue nature ĉe la junularo.

Tro multaj homoj opinias, ke la nerveco en tiu ĉi tempo estas kaŭzata pro la multa kaj senripoza laboro de tiom da homoj, precipe pro la grandega intelekta energio kiu estas postulata de multaj el ni, kaj al kio aliaj lasas sin allogi pro dezirego de profito.

Tamen tio estas absoluta eraro. Laboro ne naskas nervecon. Eĉ ne peniga laboro, escepte se oni ĝin daŭrigas longtempe. Kiam oni ankoraŭ povas dormi sufiĉe, tro multe da laboro povas ja venigi senton de laceco kaj bezonon de ripozo, sed ne tuŝeton de la nervoj. Kontraŭe, — laboro, eĉ — tre malfacila, efikas en ni kvieton, ankaŭ ĉe junaj infanoj. Pli kaj pli oni komencas tion kompreni.

La antaŭa jarcento kun ĝia terura infanekspluatado, igis nin malinklina pri infanlaboro, igis nin malakcepti abomene ĉiun formon de infanlaboro. Sed pli kaj pli oni denove komencas kredi, ke Francke kaj Pestalozzi estis pravaj, ke manlaboro por infanoj, modere aplikata, estas utila, detenas ilin de multe da malbono, taŭgas por ilia korpa kaj intelekta evoluo, kaj antaŭgardas ilin de la nerveco, je kiu nia junularo jam distingiĝas.

Ne, nerveco pli malpli estas sekvo de seniluziiĝoj, timoj, turmentoj. Kaj nun estas feliĉa fenomeno, ke multaj el ni, kiuj travivas grandajn seniluziiĝojn, kaj suferas grandajn turmentojn, klopodas forgesi kaj penas ilin venki per tre firma laboro.

Kaj se tamen tiu laboro ne kreas sufiĉan forgeseblecon kaj ni, malgraŭ tiu laborego, kuŝas en la lito malkviete moviĝantaj kaj ne povantaj kapti la dormon, sekve de kio ni komencas iĝi palaj kaj malsanaj, — tiam oni baldaŭ inklinas konkludi: « Ne estas miraklo; tiu viro tro laboras! »

Ke en nia tempo vidiĝas granda nerveco, pli multe ol antaŭe, estas sendube vera.

Unue ni devas tion atribui al la rapida vivmaniero, en kiu ni ĉion vidas ŝanĝiĝi. Feliĉe la homo havas fortan kapablecon de adaptiĝo, kiu evitigas multe da emocioj, kaŭzitaj de ĉiuj tiuj novaĵoj.

Tiel ekzemple ni sen miro vidas la komplikan aŭtomobiltrafikon en la grandaj urboj, same kiel ni jam kutimiĝis al telefono, telegrafo, radio. Sed ĉiuj tiuj ŝanĝoj ne stariĝis, ne postulante de niaj nervoj multon, tre multon.

En la historio neniam estis epoko, ke vico da sinsekvaj ŝanĝoj okazis en tiom mallonga tempospaco, el kio sekvis multe da suferado.

La plej rapidan evoluon en tiu ĉi tempo, certe travivis la virino, kaj pro tio ŝi ankaŭ multe suferadis. Ŝiaj nervoj tro multe estas tuŝitaj kaj tial oni devas pardoni al ŝi la strangan manieron per kiu ŝi misuzas sian liberecon. Ŝi estas kiel ĉiuj nervsuferantoj, falinta el sia ekvilibreco kaj tio igis ŝin forgesi ĉiun senton pri bona gusto, ĉasteco kaj pura virteco, pri honto kaj memrespekto.

Pli malĝoje estas, ke la *infano nuntempa* tiel suferas pro nerveco. Tio, kion mi tie ĉi supre rimarkis pri la bonefika influo de intelekta laboro al la nervaro, — tio estas vera nur pri plenkreskuloj, ne pri infanoj.

Precipe por infanoj, sub 10 jaroj, troa intelekta laboro estas tre malutila, ĉar en tiu ĉi aĝo la cerbo rapide kreskas, kaj tial troa cerba laboro dum tiu ĉi rapida kreskado, estas tre danĝera, kondukante al nervsuferado.

Se unuflanke la infano estas pli elmetita al nervsuferado ol plenkreskulo, aliflanke li vivas pli facile ol ni. Ekzemple granda perdo aŭ granda seniluziiĝo povas ja kaŭzi ĉe infano intensan malĝojon, sed nur dum nelonga tempo, kaj ne profunde; tamen ĉe plenkreskulo ĝi povas doni tuŝegon por ĉiam.

Krom la devigata troa lernado antaŭ la deka vivjaro, ekzistas ankoraŭ aliaj kaŭzoj, kiuj nervigas la infanojn.

En la lasta tempo oni pli kaj pli komprenas, ke nerveco estas malsano, kiu per efika edukado, ne nur estas malhelpebla, sed ankaŭ kuracebla.

Sugestio ĉe tio estas unu el la plej efikaj helprimedoj. Neniam diru al la infanoj, ke ili estas nervaj, ĉar tiuokaze ilia malsaneco estas nesanigebla. Donu al ili memfidon, sugestu ilin, ke ili ne estas nervaj, ke ilia malsaneto rapide estos resanigita.

La nervostato de malgrandaj infanoj dependas de la animstato de iliaj patrinoj.

Nature ne estus permesate al mamnutranta virino, uzi alkoholon. Sed plie ŝi estas devigata zorgi, ke ŝi ĉiam estu kvieta kaj trankvila. Kaj ŝia edzo devas ŝin helpi en tio, ĉirkaŭante ŝin per zorgo kaj amo. Kvieta patrino havas kvietan infanon. Sed kvieteco kaj trankvileco ne estas sufiĉaj. La patrino ankaŭ devas esti prudenta! Ne tro zorgema! Ne senĉese rigardi al la kara infaneto! Ne pro ĉiu krieto preni lin sur la brakojn.

Nerva patrino estas granda malfeliĉo por sia infano. Estas patrinoj, eĉ pli multe ol oni pensas, kiuj estas tiel ekscititaj, ke ili ne povas lasi trankvilaj siajn infanojn, eĉ se tiuj estas pligrandiĝintaj. Estas diversaj patrinoj, kiuj tro multe okupas sin je siaj infanoj, pripredikas ilin, malhelpas ilin pro tio en ilia dormo, kiuj multfoje iras al la liteto, tuŝas la kapeton, turnas la kusenon, alie kuŝigas la infanon, kaj malhelpante dormon, kaŭzigas komencon de detruonta suferado en posta aĝo.

Kaj ne diru al tia patrino, ke ŝi eraras! Ne klopodu ekzemple ŝia edzo per prudenta rezonado kaj la plej granda takto konvinki ŝin, ke ŝi devas lasi la infanon kvieta ! Mem nervopacientino, ŝi ne povas kompreni, ke ŝi agas malĝuste! Kaj vi atingas nur ke ŝi donas al vi maldolĉan respondon, dirante ke la edukadon de la infano vi lasu al ŝi.

Tiel ankaŭ la infanoj, suferadas pro la sekvoj de la rapidega vivo, kiujn gepatroj kaj precipe iliaj patrinoj senpere sentas.

Nuntempa lernejo ankaŭ kontribuas en alta grado progresigi la nervecon de la infanoj, Ne nur, ĉar la lernejo tro multe postulas de la infanaj cerboj, sed ankaŭ, ĉar ĝi postulas de la infanoj tiun teruran senmovan sidadon en la benkoj, tiun malliberecon, kiu kaŭzas gravan nervecon.

Igu la infanojn fari, agi, labori, kaj ankoraŭ foje labori, per plumo, per krajono, per grifelo, per la manoj.

Pririgardu la lernadon multe pli kiel laboron, ol kiel studadon. La komprenado venos ja poste.

Preskaŭ ĉiu lernejo estas tiel organizita, ke ĉiuj infanoj devas lerni la *saman* instruadon, la *saman* konadon, ne nur en la *sama* tempo, sed ankaŭ kun la *sama* rapideco.

Tio estas mortiga por la nervoj. Kiel oni scias, *Montessori*, same kiel *Dalton*, klopodis tion ŝanĝi. Sed, kvankam mi teorie havas la saman opinion kun ili, pri la praktika aplikado, mi restas skeptika.

Granda plibonigo, kiam en ĉiuj lernejoj estos enkondukitaj la tiel nomataj buŝaj (parolaj) lecionoj kun la skribardezo aŭ la notkajero sur la tablo, por ĉiufoje fari notojn, sub la gvidado de la instruisto.

Esceptante la rakontadon, mi volus do forigon de ĉiuj ekskluzive buŝaj (parolaj) lecionoj, — almenaŭ en la unuagrada lernejo.

Kiam la knabo aŭ la knabino forlasis la benkojn de lernejo, tiam aperas por ili aliaj kaŭzoj, kiuj faras ilin nervaj: la gepatroj nun estas kulpaj. Ili ne sciis konservi — ankaŭ sekvo de la rapidega tempkuro — la antaŭan veran familian vivon, kiu estas tiel bona, profitiga, feliĉiga por la infano.

Ili mem tro multe serĉas nun siajn plezurojn eksterhejme, en societa klubo, en kinematografo, kun la sekvo, ke aŭ la infanoj enuas hejme, aŭ ili ankaŭ partoprenas en la plezuroj eksterhejme.

Nature mi ne malaprobas sporton eksterhejme. Kontraŭe! Sed mi aludas precipe la vesperajn amuzojn.

La hejma enuo, (diras la holanda Profesoro J.H. Gunning, kies verkoj por mi estis fonto) tiel same kiel la vesperaj amuzoj eksterhejme, altgrade akcelas la nervecon de la infanoj.

La hejma enuo (pensu pri la multaj pluvaj dimanĉoj, tiel melankoliaj, malgajaj kaj malĝojaj por la infanoj), kaŭzas kaj akcelas, ke ili tro multe pensas pri si mem, meditas pri propraj seniluziiĝoj kaj pri siaj rilatoj kun aliaj.

Kiu ne konas tiujn « grandajn infanojn », precipe knabinojn, kiuj asertas, ke ili estas komprenataj de neniu? Tio estas komenco de nerva suferado. Sed ne diru tion al ili, sed igu ilin labori, donu al ili decan distron kaj precipe: Preparu al ili agrablan, intiman hejmon.

Kaj la amuzoj eksterhejme — vera rimedo por la gepatroj en tiu ĉi tempo de foriĝanta familia vivo — grandparte ne estas bonaj por la infanoj, precipe la kinematografoj kaj baloj.

La lastajn mi treege malaprobas en ĉiuj cirkonstancoj, ĉar ili estas malprosperaj por kvieta korpa kaj intelekta kreskado de la infano. La unuajn mi volas doni al ili, nur konscience elektitaj, kaj — malofte! Neniaokaze ĉiun semajnon (kiel tie ĉi en holanda Indio) kaj neniaokaze sen antaŭa esploro. Malofte! kaj kiel rekompenco por bona konduto.

La plej grandaj malprofitoj de tiuj ĉi multaj kaj precipe plenkreskulaj amuzoj estas tro baldaŭa satiĝo kaj sento de enuo, kiuj ĉe multaj gejunuloj akcelas pli aŭ malpli multajn diboĉojn kaj sekretajn pekojn.

Donu al viaj infanoj agrablan hejmon, kutimigu ilin al regula konstanta laboro, devigu ilin al obeado, al ordo. Lernigu al ili ankaŭ memregadon. Ne instigu ilian timon pri bestoj aŭ fantomoj, kaj zorgu, ke ili plej baldaŭ venku tiun timon.

Neniam diru al ili, ke ili estas nervemaj. Kaj precipe: hardigu ilin, intelekte kaj korpe, sed ne troigu ambaŭ.

La intelekta hardigo venos sen via helpo. Se ekzemple via infano perdas ian objekton pro malhonesteco de kamaradeto, — ne miksu vin en tio, sed rakontu al li, ke li devas klopodi venki tiajn seniluziiĝojn. Alie, li ne estos sufiĉe forta por venki postajn seniluziiĝojn en la societo de plenkreskuloj.

Kaj precipe ne suferigu viajn infanojn per via *propra* nerveco.

**Samideanoj en malproksimaj landoj kiuj neniam aŭ malofte aŭdas fremdan esperantiston paroli kun ili la lingvon, akiru la diskon — TRI = ERGON — kun modelparoloj de D-ro Edmond Privat**

 **SOCIA VIVO** 

## La Savarmeo

La nuna krizo en la estrado de la Savarmeo denove vekis la atenton de la publiko al tiu-ĉi rimarkinda organizajo tiom speciala en la rimedoj, kiom persista en la klopodo por sukcesi.

La kunveno de la Alta Konsilantaro de la Savarmeo (dum januaro) interesigis tutan kulturan mondon kaj estis temo diskutita en Britujo dum semajnoj. En kontinentaj landoj oni eble ridetas pri tiuj aferoj, tro pensante al la kantantaj virinoj, al savo kun muziko. Sed kio fakte okazis? La nun sepdekjara Generalo *Bramwell Booth*, unua filo de la fondinto malsaniĝis antaŭ kelkaj monatoj. Laŭdire li ne kapablus plenumi la oficon tiel, kiel ĝin postulas la regularoj. Laŭ la Fonda Dokumento de 1878 la generalo de la savarmeo estas aŭtokrato absoluta. Li konservas la rajtigajn dokumentojn pri la havaĵo de la savarmeo. Kion tio signifas, klariĝas el la fakto ke la Savarmeo posedas en 63 landoj kaj kolonioj hospitalojn, institutojn por helpo al malfeliĉuloj, azilojn, farmojn, bienojn, ja eĉ komercajn entreprenojn. Ĝi posedas ankaŭ propran bankon la « *Reliance Bank* » kiu laboras kun kapitalo de 100.000 L. St. do cirkaŭ 2.500.000 Fr. de ora valoro. La akciojn de tiu-ĉi banko la generalo posedas preskaŭ entute, por konservi en la nomo de la armeo. Pro juraj postuloj 7 akcioj el la 40.000 troviĝas ĉe oficiroj de la armeo. Tiuj oficiroj formas kune la direktoraron. La banko estas ŝparinstituto kaj sin ne okupas pri spekulacio. La Savarmeo posedas plie grandan asekuran societon, la « Salvation Army Insurance Society Ltd. », kun fonda kapitalo de 13 ĝis 14 milionoj da orfrankoj kaj 12 milionoj da premiospezoj jare. La banko havas spezon jaran de preskaŭ 8 milionoj da orfrankoj. Speciala komerca sekcio donas profiton. Plie estas aro da fabrikejoj plej diversaj: Konversaĵoj, bakaĵoj, alumetoj, laborejoj pri ligno k.t.p. Ĉio plenumiĝas el propraj fortoj. La tutan havaĵon de la Savarmeo oni taksas nur por Britujo je 1.347.700 da funtoj sterlingaj. Kaj pri ĉio tio la generalo decidas sola kaj respondecas. En pluraj landoj ekzistas entreprenoj organizitaj laŭ komerca maniero. Ankaŭ pri ili la generalo decidas. Sed lia povo estas ankoraŭ pli granda. Okaze de lia elekto aŭ nomigo li tuj indikas laŭ la regularo la nomon de sia posteulo en sigelita koverto. La nomo de la nova estro estas konatigota je la morto de la antaŭulo. Kontraŭ tiu-ĉi regulo jam estis forta opozicio en la Savarmeo. Ankoraŭ dum la tempo de la fondinto oni parolis pri « Boothismo ». Kaj precize nun aŭdiĝis denove riproĉoj aŭ plendoj kontraŭ la « dinastio Booth » kiu deziras monopoligi la povon al la familio. Tamen tiuj kiuj konas la generalon pli proksime scias tre bone ke tiuj atakoj ne povas resti, pro la vera abnegacio precipe de la familio Booth. La generalo fine nomas ĉiujn oficirojn de la majoro ĝis pli supren kaj ankaŭ maldungas ilin. Li estas en ĉiuj aferoj la lasta instanco. Same li decidas en pure religiaj aferoj. Ekzistas nur unu instanco al kiu la generalo devas submetiĝi: La Alta Konsilantaro (High Council). Ĝi konsistas el la ĉefo de la stabo, la plej alta staboficiro, la sekretario por eksterlandaj aferoj, ĉiuj aktivaj komandantoj kaj teritoriaj gvidantoj. Tiu-ĉi konsilantaro povas eksigi la generalon kaj elekti novan, kondiĉe ke kvar kvinonoj de la konsilantaro deklaras lin ne plu kapabla gvidi la aferojn. Kiel dirite, Bramwell Booth jam de monatoj ne plu povis okupiĝi pri la aferoj, kio lin devigis transdoni la povon al aliaj. Pro tio kunvenis la Alta Konsilantaro sekve de la instigo de la fratino de l'generalo, *Eva Booth*. Tio dolorigis la generalon kiu kredis

ke la instigo havis personan motivon kontraŭ li. La filino Catherine klopodis interpacigi. Sensukcese. Ĉar parto de la armeo konsideras la fratinon, kiu estas 63 jara, kiel la estontan estrinon. Pro tio impresis bone, ke la konsilantaro tuj ĉe la unua kunveno sendis salutan telegramon al la maljuna generalo kaj certigis lin pri la senrezerva respekto kaj dankemo. Cetere estis la unua fojo ke kunvenis la Alta Konsilantaro kiu nun konsistas el 63 anoj.

La fratino de la generalo, vivanta en Ameriko ŝatus demokratigi tiun sistemon. Ŝiaj kontraŭuloj akcentigas ke, laborante pri krimuloj, publikulinoj kaj ĝenerale pri la lasta kategorio de la homa socio, nur severa disciplino kaj nepra decidpovo sukcesigos la verkon. Certe — tiu-ĉi disciplino eĉ permesas ke la generalo rajtas okupiĝi pri la persona vivo de la oficiroj — ili ekzemple nur rajtas edziĝi se ili minimume servis 3 jarojn en la armeo kaj posedas la rangon de « kapitano ». La edzino devas partopreni tiun elĉerpigan laboron kaj esti kvazaŭ « kamaradino ». Ili devas promesi « je honorvorto kiel fidela soldato de Jezuo Kristo, vivi kaj batali en la vicoj de la Savarmeo ». Kiu iam rilatis kun oficiroj de la savarmeo kaj se li estus eĉ la plej radikala malamiko de la institucio, neniel povas rifuzi la homan respekton pro ilia grandega sinofero kaj morala forto. Ekzemple en la tielnomataj « self denial week » (la sinforgesa semajno), festo dum printempo, en kiu en la propraj vicoj de la armeo oni kolektas monon por socialaj laboroj. Kaj oni rikoltas milionojn el la malmulte da mono kiun ricevas oficiro. Salajro estas inter 20 ĝis 50 Frankoj semajne. Kaj tiujn sumegojn kolektitajn, tiuj sinoferuloj sukcesis trovi inter si. Entute la armeo kalkulas 18.000 oficirojn. Ili estas stabaj, militaj kaj socialoficiroj. Ĉe la supro estas la generalo kun la stabĉefo kaj la internacia ĉefkvartiro. Ĉe la supro de la unuopaj landoj estas la komandantoj kun la landa ĉefkvartiro. La unuopaj korpusoj estas kunigitaj en divizioj. Poste ekzistas ankoraŭ lokaj oficiroj, nesalajritaj libervole laborantaj helpantoj. Ili nombras ĉ. 100.000 personoj. Plie estas 30.000 muzikantoj. La flago de la Savarmeo estas ruĝa, flava kaj blua (Sango de Kristo, Fajro de l'spirito, Anima pureco). La flago portas la blazonon de la armeo: radiantan kronon (Lumo de l'spirito) kun enskribo en la interna marĝeno: « Sango kaj Fajro » en la mezo: krucon ĉirkaŭvolvitan de litero « S » = Salvation (Savo). Super la tuto ŝvebas krono, simbolo de la eterna beateco.

La sociala laboro estas dividata en 18 diversaj organizaĵoj kun nekalkuleblaj suborganizaĵoj. Rimarkinda estas la financigo de tiu giganta organismo. Ĉiu lando laboras kaj bilancas memstare kaj nur en ekstremaj kazoj la Centro konsentas subtenon financan. En Anglujo la jara bilanca cifero estas 1.250.000 orfrankoj. La oficiroj laboras en kvardek lingvoj. Kiel konfesio la salutismo estas nefacile klasigebla. Mankas la specialaj signoj de sekto kaj ankaŭ ĝi estas entute ekumena t.e. universala, tutmonda. Oni povus ĝin ankoraŭ nomi metodisma kun tamen speciala karaktero. Sed kion la Savarmeo plenumis, oni povas pensi kion oni volas pri la strangaj metodoj, restos por ĉiam honora paĝo en la historio de la homaro. Sed ĝi ne bezonas ateston — ĉar la verko mem estas atesto sufiĉa.

*Tradukis H. J.*

## Helplingvoj en Afriko

La problemo pri helplingvo ne rilatas nur Eŭropon, kies akra bezono naskis Esperanton, laŭ konstato de D-ro Zamenhof, kiu vidis en si mem ilon. Ĝi fariĝis nun aktuala por aliaj kontinentoj. Hindujo, kiu estas ja preskaŭ kontinento (havante pli da loĝantoj ol tuta Ameriko) spertas tion en sia nuna klopodado por « svaraĝ » aŭ memregado.

Siatempe la hindustani-dialekto de l' nordaj mahometanoj « urdu » fariĝis kvazaŭ helplingvo favorata de l' britaj aŭtoritatoj. Ĝin parolis bonege fama esperantisto de l'antaŭmilita generacio kolonelo Pollen, longe servinta en Bombay. Ĝi entenas multajn persajn vortojn. Kiel oni scias, la persa lingvo por Hindoj estas kvazaŭ la franca por Angloj aŭ Poloj: la unua fremda lingvo de l'kultura edukado.

Nun Gandhi rekomendis al ĉiuj partianoj de « svaraĝ » lerni la lingvon *hindi*. Li mem ĝin uzis en la lasta nacia kongreso en Kalkuto je Kristnasko, ĉar bengali estas komprenata nur de la ĉefurbanoj kaj orientprovincanoj. Tamen la prezidanto Pandit Motilal Nehru paroladis angle, uzante tiel la solan lingvon komune konatan de ĉiuj delegitoj. Multaj lin imitis. Estas rimarkinde ke por unuiĝi en liberiĝa klopodado, la Hindujanoj devas uzi la lingvon de la registaro, kiun ili deziras forpeli. Ĝuste tion volus eviti Gandhi propronante ĝeneralan helpan uzon de hindi.

En Afriko la problemo ankaŭ aktualiĝas en iom aliaj cirkonstancoj. Ĉie la indiĝenaj gentoj vekiĝis al instruado kaj postulas lernejojn kaj librojn. Tio kaŭzas grandan prizorgon ĉe la diversaj koloniaj potencoj angla, franca, portugala, k.t.p.

Eduki Afrikanojn per eŭropaj lingvoj, tio signifas apliki al la nigra kontinento la dividojn de Eŭropo kiel okazis jam en Brazilo portugal-lingva, Usono kaj Okcidenta Kanado anglolingvaj, Orienta Kanado franclingva kaj, en la mezo de la teroj, restas la kelkcent diversaj ruĝ-indianaj gentoj kun siaj multegaj dialektoj, sen literaturo, sen libroj krom tradukoj de l'Evangelioj, zorge eldonataj de la Brita kaj Eksterlanda Biblia Societo, la sama kiu antaŭ nelonge eldonis ankaŭ en Esperanto la tutan Biblion.

Ŝajnas ke la koloniaj potencoj en Afriko ŝanceliĝas inter du eblecoj: aŭ sekvi la saman vojon kiel en Ameriko, aŭ organizi la instruadon en la indiĝenaj lingvoj. Ambaŭ vojoj enhavas por ili danĝerojn. Se granda eŭropa lingvo disvastiĝos en Afriko, la indiĝenoj baldaŭ legos revolucian literaturon. Ne nur ĉe Esperanto estas timata tiu konsekvenco, sed eĉ multe pli ĉe lingvoj kiel angla, franca aŭ portugala, kiuj entenas miloble pli da tiel nomataj « danĝeraj presaĵoj » ol juna lingvo de Zamenhof.

Ankaŭ estas demando ĉu la indiĝenoj en Afriko lasus sin elnaciigi aŭ formortigi kiel en Ameriko. La vastaj nigraj amasoj posedas jam edukitajn ĉefojn kaj nur la dua vojo ŝajnas jam ebla: organizi la instruadon en indiĝenaj lingvoj. Almenaŭ tia estas la nuna tendenco reganta en anglaj koloniaj rondoj kaj jam de longe ĉe la misiaj societoj.

Sed tiam la problemo *praktika* malfermas grandajn malfacilaĵojn. Ekzistas en Afriko pli ol ses cent lingvoj. Iniciati ses cent kulturojn kaj skribajn literaturojn estas ega afero. Eĉ ortografio ankoraŭ ne estas fiksita por ĉiuj afrikaj dialektoj.

En 1925 fondiĝis ja Internacia Instituto de Afrikaj Lingvoj kaj Kulturo kun sidejo en Londono kaj oficialaj subvencioj. Antaŭ Kristnasko ĝia direkta konsilantaro ĵus kunsidis en Berlino sub prezido de Lord Lugard, la fama angla spertulo ĉe la komisiono pri koloniaj « mandatoj » de la Ligo de Nacioj. Unu direktoro estas profesoro Westermann, ĵus invitita de la Nigeria registaro por ĝin konsili pri lingvaj aferoj. Alia estas franca profesoro Labouret, vizitonta Afrikon en 1929 kaj ĝenerala sekretario S-ro Hans Visher, nun komisiata en Sudan por inspekti lernejojn. Lastan jaron la Instituto ĉefe studis lingvajn aferojn. Ĝi eĉ kreis premiojn por kuraĝigi originalan verkadon en afrikaj lingvoj. Nun ĝi decidis instigi ankaŭ studadon de la indiĝenaj moroj kaj juraj kutimoj.

Oni povas dividi la rasojn en Afriko per tri ĝeneralaj klasoj, la pigmeoj, konsiderataj kiel la pra-loĝantoj de la kontinento, la negroj, multe pli fortaj kaj nombraj, kaj la hamitaj popoloj

en la nordo. Por tiuj ĉi lastaj la lingva problemo estas pli simpla, kvankam pluraj gentoj, berberoj, somaliaj, k.t.p. havas propran lingvon, tamen la araba lingvo estas ĝenerale disvastigata en la tuta Nordo kaj pli centren, ĉie kien penetris islamo. Ĝi estas oportuna helplingvo kaj entenas jam kulturon pli riĉan ol multaj eŭropaj lingvoj.

La pigmeoj, escepte la bushmen (arbetaranoj) de Sudafriko, perdis la siajn proprajn kaj alprenis la dialektojn de la negroj, mul'nombraj kiel steloj en ĉielo. La negrajn lingvojn oni klasigas per du ĉefaj grupoj, la sudana kaj la bantua. Kiam mi studis en pariza Sorbonne, ĉe Ecole des Hautes études, unu kolegino nia, juna Anglino, sindonis entute al bantu-gramatiko. Ŝi fariĝis konata lingvistino.

Unu el ĉefaj lingvoj de la vastega bantu-grupo estas sesuto, parolata en Basutolando sudoriente kaj fiksita en presaĵoj de la svisa misiisto Jacottet jam ankaŭ tridek jaroj. Ĝi nun estas la lingvo de multaj libroj kaj gazetoj. Ju pli progresinta kaj enhavoriĉa estus iu lingvo, despli rapide ĝi disvastiĝus en ĉirkaŭaj regionoj kiel *lingua franca* aŭ helplingvo por interkomunikado. Estas kompreneble multe pli facile por negroj lerni parencan dialekton kaj esprimi en ĝi siajn pensojn ol en tute fremda alisistema lingvo, kiel eŭropa.

Se okazos same en Afriko kiel en Eŭropo, estas antaŭvideble ke la ses cent lingvoj iom post iom rifuĝos en arbaroj, montaroj kaj vilaĝetoj kaj cedos la pli viglajn lokojn al kelkaj ĉefaj lingvoj de komunikado, kiel *svahili* nun uzata en Zanzibar, Tanganyika, Kenya, Uganda, *sesuto* en Basutolando, *duala* en Togo kaj Kamerun, *bemba* kaj *ĥololo* en Norda Rodezio kaj Niasalando, *haŭsa* kaj *joruba* en Nigeria. Jam nun ĉiu el tiuj helplingvoj estas konata de tri ĝis sep milionoj da homoj laŭ tre proksimumaj statistikoj, *Svahili, haŭsa, zulu, madingo, mossi, aĥan* rapide disvastiĝis dum lastaj dudek jaroj.

En Transvalo estis elektita komitato por fiksi la ortografion de la *zulu*-lingvo kaj laŭeble unuecigi tiun de *suto, ĉuana* kaj *pedi* por eliri el ĥaoso kaj ebligi presadon de libroj en grandaj kvantoj. Oni decidis sekvi la rekomendojn de la Internacia Instituto en Londono, kiu eldonis ĝuste gravan memorandumon pri ortografio.

Tiuj aferoj tre interesas la esperantistaron, ĉar ili estas ekzemploj de novaj lingvaj movadoj kun pripensita interveno. Estas tute certe ke sur natura bazo de ĉiutaga primitiva parolilo konstruiĝas nun en Afriko fakte novaj lingvoj kun amaso da enportitaj vortoj kaj esprimoj ne pli, ne malpli « artefaritaj » ol en Esperanto.

Edm. P.

### Kora bondeziro de ICK al Generalo Sebert okaze de lia 90a naskiĝfesto

La 30 januaro nia eminenta samideano Generalo Sebert, la fondinto de la Centra Oficejo en Parizo kaj unu el la plej malnovaj gvidantoj de nia movado en Francujo festis sian 90an naskiĝtagon.

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado por esprimi sian rekonemon kaj sinceran dankon al nia meritplena franca amiko sendis al li la sekvantan telegramon:

« Général Sebert, 14, Rue Brémontier, Paris 17.

« Sinjoro Generalo altestiminda samideano,

« Kiel reprezentantoj del' tuta esperantistaro estas feliĉaj sendi okaze via naŭdekjara naskiĝfesto niajn plej korajn kaj sincerajn bondezirojn kun profunda sento de rekonemo pro via fidela dumviva servado al Esperanto.»

Internacia Centra komitato :

J. Merchant, prezidanto. Rob. Kreuz, Ĝen. sekretario.

## Popola Muziko en Sovetunio

Prilaboris Nikola Palaĉori.

El la Informa Bulteno de VOKS ni ĉerpis subajn informojn pri la sovetlanda popola sonarto, aldoninte kelkajn sciigojn pri la antaŭsoveta epoko de la samaj popoloj. Jaroj de malsato, de materia mizero, kun artekreata industriigo kaj maŝinigo de la socia vivo, ankaŭ la politika hegemonio de fabrika proletaro, edukata laŭ la regna unika programo, ĉio tio helpas detrui antikvan poezian kanton kaj malnovan popolan muzikon de soveta landaro. La delikata arto malaperas tie kie oni volas ĝin unuformigi per ordonoj kaj cirkuleroj. Tamen, la popola inerto restas tro granda kompare kun la reala influo de burokrata reguligo, kaj la popola sonarto, preskaŭ malaperinta en grandaj urboj de Sovetio, ankoraŭ vivas en vilaĝoj. Post tiu ĝenerala rimarko, des pli ĝusta ju pli granda estas maŝinigo de la koncerna regiono, ni rapide trakuru diversajn gentojn de la granda regno.

---

Grand-rusoj estas la gento kiu ne nur nombre, sed ankaŭ politike superregas en la soveta landaro. Akorde kun tio ankaŭ la sonarto ĉe grand-rusoj, precipe en centra regiono, estas en plena degenerado. La popolo jam forgesis siajn originalajn melodiojn, poemojn, akceptinte tiel nomatajn « ĉastuŝki » (france « scie ») — vulgaraj laboristaj kantetoj, je tre simpla melodio, senfine ripetanta, kun paroloj aŭ sensencaj, aŭ de ŝerca, moka karaktero: io simila al la « ego-futurisma » arto. Sed, lastatempe, la vilaĝanoj ree organizas kantistarojn, kiuj reprenas malnovajn dignajn kantojn de la praa tempo. En Moskva regiono nun estas fama la ĥoro de Piatnicki, kiel en Leningrado la kant-kapelo de Klimov. Nature, tiuj du grandaj kant-organizoj povas flori en nunaj cinkonstancoj kondiĉe ke ili alternas la vere popolan arton kun la ruĝa repertuaro je politika tendenco. La grandrusa muziko (— ni dividas la sonarton je du grupoj: kanto kaj muziko, tio estas — sonarto voĉa kaj sonarto instrumenta) uzas ĉefe du instrumentojn: akordeono kaj *balalajĥo*. En Volga kaj Dona regionoj la popolo ankoraŭ kantas famajn melopeojn de ŝipistoj kaj kozakoj.

Sudrusoj aŭ ukrainanoj ĉiam estis fama popolo de belaj kantoj, tiom superaj al kantoj de najbaraj popoloj, ke eĉ en ekstrema nordo, oriento ekster Ukraino, la plej belaj pecoj de popolaj koncertoj estis la sudrusaj, gloritaj de Gogol jam antaŭ jarcento. La naciaj muzikiloj estas *ĥobza* aŭ *bandura*, iom simila al liuto, kun 55 kordoj, kaj la primitiva *lyre* kun burdumanta radeto, kiu akompanas poemon aŭ religian kantadon de migraj blinduloj (kiuj estas profesiaj kantistoj de jarcentoj, gajnante sian panon, ne almozenutrataj kiel ofte en Eŭropo). Sur la bazo de la popola sonarto komponis Lysenko, Sokolski, Leontoviĉ, kaj la nacia ĥoro Dumka.

Blankrusoj havas sonarton similan je la ukraina, sed ne tiom riĉan. Ilia muzikilo estas *citaro*, kiun oni ludas tenante sur genuoj, per du marteletoj. Judoj de Blankrusujo adoptis tiun ilon, donante al ĝi sian nomon: *cymbaly*. Nacia ĥoro nun organizita laboras por restarigi la popolan originalan sonarton de la malnova epoko.

Ciganoj jam delonge havigis al Moskvo, kaj aliaj grandaj urboj, kantistojn de frivola speco por kabaredoj, kiel en Hungarujo ili havigas kabaredajn violonistojn. La cigana originala kanto, degenerinta dum lastaj 40 jaroj, nun estas restarigata en la nacia cigana ĥoro de Nikolai Kruĉinin en Moskvo.

Judoj neniam havis sian originalan sonarton, depost ilia alveno, sed nur amalgamon de respegulitaj melodioj prenitaj ĉe najbaraj popoloj. En antaŭmilita Ruslando la judoj profesiiĝis kiel popolaj muzikistoj unuflanke ĉar la slava popolo lasis al ili eŭropajn violonojn, klarinetojn, tamburojn, aliflanke — ĉar netaŭgaj por la militservo, laŭ korpa rilato, multaj el ili servis en la cara armeo kiel tamburistoj kaj muzikistoj.

Armenoj ĉiam kulturis sian nacian sonarton, nun centrigitan en Erivan, kie ili posedas operan teatron, muzikan konservatorion kaj nacian ĥoron. Saman vojon iras kartveloj (georgianoj, gruzenoj) kies kultura centro nun estas Tiflis. La naciaj komponistoj Paliaŝvili, Arkĉiaŝvili, Balanŝavadze, Dolidze, verkis historiajn operojn sur la bazo de popola arto.

Pli primitiva estas sonarto de abhazoj, ĉeĉenoj, lezgianoj kaj ceteraj gentoj de Kaŭkazo. Iliaj naciaj kantoj gloras lukton, militon, ankaŭ la seksan amon, bravecon.

Tataroj de Kazan nun havas sian nacian oper-teatron. Tiuj de Krimeo respegulas sonarton de araboj, persoj, ukrainanoj kaj italoj. En Moskvo ekzistas ĉuvaŝa ĥoro de Luĉkov. Pedagogia Instituto de l'ĉuvaŝa lando kolektis dek volumojn da popolaj kantoj. Kirgizan kanton studas Zataeviĉ, kiu jam arigis 2.000 popolajn melodiojn. Azerbeĝanaj tataroj staras pli alte laŭ arta rilato: en Baku frunkcias ilia opero kun lokaj kantistoj: tenoro Bulbul, soprano Ŝevket Hanum, ambaŭ lernintoj en Milano. Depost 1920 ekzistas granda muzika orkestro de Joanezian. Uzbeka kaj turkmena muziko estas nun studata de rusa komponisto Uspenski, organizinto de la unua uzbeka konservatorio. Turkmenaj popolaj verkoj estas duvoĉaj, kie kvartoj, septimoj kaj sekundoj formas akordojn kaj stabilajn intervalojn. Cetere, la centrazia muziko jam delonge estis ekspluatata de multaj komponistoj, ekzemple de Borodin, Rimski Korsakov, Musorgski.

Mongola muziko estas nun studata de leningradano Salmont kun siaj du lernantoj: Tulakov kaj Subotin. En la buriata gento ili kolektis 250 kantojn, diatonaj je 5 tonoj, kun kaprica ritmo. Inter muzikiloj distingiĝas trumpeto el homa tibiosto, kaj kaŝtanjetoj el kranio. En Verhneudinsk fondiĝis buriata muzika lernejo.

Do, ĉiuj naciaj gentoj de la soveta landaro nun laboras por restarigi aŭ fondi sian originalan kanton kaj muzikon. Nur unu — la grandrusa — estas escepto tiurilate, ĉar gvidante aliajn sur tiu sana vojo de nacia renaskiĝo, la ĉefa gvid-popolo de la Sovetunio tendencas al la kosmopolita senkaraktera stato, en kiu la tajlorizada maŝina bruo kaj maŝiniga « ĉastuŝko » pli kaj pli proksimiĝas unu al alia.



## NOTOJ



*La itala fervojo.* — La ŝtata fervojaro itala posedas nuntempe 9.000 vagonojn por transporto de personoj kun ĉ. 500.000 sidlokoj. Ĝi posedas plie 150.000 vagonojn por transporto de komercaĵoj kun entuta transportebleco de 2.680.000 tunoj. Krom tio 4.000 vagonoj por pakaĵoj de vojaĝantoj. De 1923 estis envicigitaj 350 novaj lokomotivoj kaj 20.000 vagonoj. Pliaj 350 lokomotivoj estas konstruataj kaj ankaŭ 20.000 vagonoj. Grava novaĵo estis la enkonduko de la ŝtalaj kesto kaj stablo pligrandigantaj la sekurecon ĉe la nuna rapideco de la vagonaroj. Ĉirkaŭ 35.000 vagonoj por ŝarĝoj estas ekipitaj per Westinghouse bremsoj. Por la transporto de sudaj legomoj kaj fruktoj 15.000 novaj kovritaj vagonoj estis konstruitaj dum la lastaj jaroj. Speciala grupo de tiuj novaj vagonoj estas la « frigoriferi » (malvarmiga vagono) por transporti facile difekteblajn komercaĵojn kiel fiŝoj, viando, frostita viando, lakto.

*Internacia aviada ekspozicio.* — La societo « Society of British Aircraft Constructors, Ltd. », organizas kun la Society of Motor Manufacturers and Traders Ltd., internacian aviadan ekspozicion okazontan en la Olympia en Londono, dum julio 1929. La unuan fojon depost 1920 okazas tia ekspozicio en Granda Britujo. Ĝi devus reprezenti la tutan internacian aviadon. Eksterlandaj konstruistoj montras grandan interesiĝon. La jaro 1929 estas speciale elektita por tiu-ĉi manifestado pro la aviada konkurso pri la premio de Schneider kaj la « Air Council » (la brita estraro supera pri ĉio rilata al la aviado) aranĝos la jaran paradon de la tuta aviadilaro je la 13a de Julio. La Reĝa Aerofluga Societo, la ĉefa societo por la aernavigado aranĝos historian ekspozicion, kiu devos montri la tutan evoluon de la problemo de la meza epoko ĝis la realaĵo nuntempa.

*Pri gas-milito.* — La Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco organizis en Frankfurt tre sukcesan konferencon pri gas-milito. Konataj spertuloj kaj scienculoj el diversaj landoj detale klarigis la preparojn kaj efikojn de milito per gasoj venenigaj. Ekzistas jam pli ol 25 diversaj specoj de tiaj grandskalaj venenoj por turmenti kaj mortigi tutajn amasojn de civila popolo.

Kontraŭ ili la defendrimedoj estas « apenaŭ pli efikaj ol nenio ». Por organizi iom seriozan protekton, necesus elspezi sumojn fantaziajn. Neniu registaro tion faras. En okazo de milito, dum la soldatoj brave batalos por defendi ĉe la landlimo « la hejmojn kaj familiojn » ekskursantaj aeroplanoj povos rapidege detrui la virinojn kaj infanojn en urboj per ĵeto de gas-bomboj.

Tiamaniere la kutimaj defendantoj de la hejmo perdas la kuraĝon kaj konvinkon pri la efikeco de sia sinofero por savi la familianojn. Kompreneble oni povas venĝi, t.e. ankaŭ sendi bombĵetantajn aerflugilojn sur la urbojn de la « malamiko », sed estus dubinde ĉu la mortigo de najbarlandaj virinoj kaj infanoj konsolos iun ajn pri la morto de siaj propraj.

Tiajn pripensojn disvastigis la Frankfurta konferenco en la publikon. Estas tragedia afero ke eltrovaĵoj de scienco kiel aerflugado kaj ĥemio ricevas malavarajn subtenojn ŝtatajn, se ili povas helpi al hombuĉado, dum oni subtenas ilin nur tiel ŝpareme se ili akcelas interpopolajn pacrilatojn aŭ publikan sanon.

Plej mirinde estas la rilata trankvileco kaj rezignemo de la publiko, eble ĉefe pro nescio.

*Paris-Londona Tunelo.* — Reaperas la ideo pri la granda tunelo inter Anglujo kaj Francujo post la longa silento promilita. Inĝeniero eĉ proponas ponton, kiu ŝajnas al li pli praktika. Sed la plej serioza projekto estas detale klarigata en ĵus publikigita volumo de S-ro William Collard « La Proponita London-Pariza fervojo » (The proposed London-Paris Railway, P.S. King and Son, London, 10 s. 6 d.)

La tuta fervojo de unu ĉefurbo al la alia mezuriĝus je 253 mejloj, el kiuj 24 estus submara tunelo. La enirtunelo sub angla tero havus 11 mejlojn kaj la simila sub franca tero 9 mejlojn. Larĝaj reloj estus uzataj por ebligi senhaltan rapidegan veturon per elektraj lokomotivoj 1500 HP.

La aŭtoro antaŭvidas rapidon de 92 mejloj hore, tiel ke oni atingus el Londono Parizon dum 2 horoj 45 minutoj. Li kalkulas la koston je 187,000,000 funtoj sterl. divideblaj jene: angla parto (68 mejloj) 58,000,000, franca (160 mejloj) 99,000,000, submara tunelo (24 mejloj) 30,000,000 funtoj sterl.

Poste li respondas la konatajn kritikojn kontraŭ la projekto pro militaj kaŭzoj kaj li eĉ ekzamenas eblajn hortabelojn kaj supozeblan trafikon.

# LITERATURO

## Familio

DE V. POLJANOV.

La edzino sidas senmove sur longa oportuna apogseĝo. Ŝi estas apoginta kapon sur silka kapkuseno kaj fikse observas la bildojn sur la plafono. Sub ŝiaj piedoj estas metita malgranda seĝo. Ŝi preskaŭ kuŝas sur la mola malnova apogseĝo.

Ekstere estas tago de matura printempo. La suno brilas en la ĝardeno, kie acidaj ĉerizarboj kaj prunarboj blanke floras, sidante silente kaj ridetante, kiel junulinoj en edziĝfestaj vestoj. Tra la puntaj kurtenoj de l'malfermita fenestro eniras helaj sunradioj. La ĉambro aspektas surŝutita per orpolvo. Super la fenestro preterflugas hirundoj. El ie aŭdiĝas gaja birdpepado.

La edzino estas pala. Ŝia milda vizaĝo estas glaciiĝinta en nekontenteco kaj sufero. Ŝiaj vangoj estas iom kaviĝintaj, kaj sur la frunto vidiĝas blankaj makuletoj. Ili espektas algluitaj sur la pura blanka frunthaŭto. Ŝi kuŝas, kun brakoj interplektitaj subbruste. La delikataj fingroj, ŝajne skulptitaj el pala osto, pezas pro malforteco, kaj supre, sur la brako, vidiĝas bluaj vejnetoj. Sub la brakoj, tuj elstaras la ventro. Sub la mola litkovrilo, ĝi aspektas mirige granda kaj premegas la kuŝantinon.

Per senmove fiksita okulparo, la edzino observas la pentraĵojn sur la plafono. Ŝiaj lipoj duonkurbiĝas, ektremas de minuta spasmo denove restante duonkurbigitaj en grimaco de nekontenteco kaj sufero. Dum la tuta tempo ŝi nur dufoje levas kapon, ĉirkaŭrigardas per nebulita rigardo la ĉambron kaj fiksas okulojn sur la grandan ventron. Ŝia okulparo plilarĝiĝas. Ĝi aspektas freneza.

Malproksime en la korto aŭdiĝas gajbruo kaj rido. Movetado tremetas super la branĉaro. Piedpilko saltas super la arbojn kaj terenfalas. Bato obtuza aŭdiĝas.

La pordo malfermiĝas. La edzo ŝovas kapon en la ĉambron, vidas la edzinon.

— Ĉu vi estas tie ĉi? enirante li demandas.

Ŝi levas kapon.

— Fine vi venis?

La edzo prenas ŝian manon, apenaŭ kisas ĝin.

— Kial? li demandas.

Li iras ĉe la fenestron, rigardas eksteren, sin turnas kaj sidiĝas dorse al sia edzino. Ŝi rigardas lin per amaraj okuloj.

— Kial vi ne sidiĝas ĉe mi?

La edzo ektremetas.

— Kion?

— Kial vi ne sidiĝas ĉe mi?

— Mi havas laboron.

Turnante kapon li aldonis:

— Pardonu iomete.

La edzino apogas kapon je la silka kapkuseno. Ŝi sidas kun fermitaj okuloj, mordas lipojn.

Sur la plafono naĝas ŝtoniĝintaj bluaj cignoj. Ili estas alplafonigitaj unu ĉe alia, iliaj koloj etendas turmente kapojn ĉirkaŭ la hoko de l' lustro.

Subite la edzino malfermas okulojn, levas kapon, komencas krii:

— Mi ne povas. Mi ne plus povas.

La edzo salteleviĝas. Mirigite li rigardas.

— Kio estas? Kio okazis al vi?

Liaj okuloj restas fiksitaj sur la monstra ventrego de l'edzino. Ŝi tremas, prenas lian manon, gratas ĝin.

— Ĉu vi aŭdas? Mi ne plu povas. Mi ne plu povas. Ĝi sufokas min, premegas min.

La edzo ekĝemas pro doloro, vidas sian manon eksangantan. Li fortiriĝas kun vizaĝo malserena.

— Vi ne scias kion vi faras.

La vizaĝo de l'edzino kuntiriĝas, ektremas en nerva ploro. La edzo silente promenas en la ĉambro. Li estas nekontenta, kolera. Premante sian manon li sidiĝas, observas sian edzinon.

Ŝi estas en la lasta monato de sia gravedeco. Kvazaŭ timiga, mistera vundo ĝi tranĉas per ĉiu tago ŝian ventron, malbeligante ŝian korpon. Nun ĉiutage ili atendas la infanon. La edzo eĉ momenton ne povis varmigi sin per la ĝojo pri tiu eta estaĵo, iam nomonta lin sia patro. Ĝi tranĉis kiel timiga, mistera vundo, por ke ĝi naskiĝu kun la tuta malbelegeco de l' neevitebleco. La edzo dolĉe rememoris la pasintajn edzecajn noktojn, sed li ne povis kompreni, pro kio li devis ilin repagi. En la malbeligita korpo de sia edzino kaj en la edzeca vivo, nun li vidis la grimacon de l' monstra tempo. Li amis sian edzinon, sed en la lastaj monatoj nur devo kaj kutimo retenis lin ĉe la edzino. En ŝi kaj en si li vidis plu nenion homan — nur blindajn ilojn de iu diabla kaptilo, ruza intenco de io, kio estas ekster ili, memstere kaj malĝentile, premanta en sia mano la mondon. Lia animo estis amara kaj ofendita.

Li nerve premas sian manon, rigardas la edzinon. Li salteleviĝas kaj ree promenas en la ĉambro. La edzino ploras, balancante kapon kiel frenezulino.

— Kial vi nun ploras?

Li piedfrapas kaj eliras. Ŝi respondis nenion. Ŝi ploras, balancas kapon. Ŝia vizaĝo sulkiĝas, la okulparo rigardas tralarme.

Papilioj serĉas florojn de l' acidaj ĉeriz-kaj prunarboj. Ili flugas de floro al floro, kisante ilin. Malproksime sur la ĉielo kiel cigno naĝas en la senlima bluaĵo brilblanka nubeto. La tago malrapide floras per sia tuta beleco.

Le edzino rigardas tralarme. Tuj ŝia vizaĝo sulkstreĉiĝas, la okuloj larĝe malfermiĝas, ŝi ĉirkaŭbrakas la apogseĝon kaj ĝemkrias kvazaŭ nevidebla lanco trapikis ŝin kaj kurbigis ŝian kapon kun doloro netolerebla.

En la ĉambron kuris maljuna virino. Timigite ŝi ekrigardis. Tra la pordo internen gapis la edzo. La edzino denove ĝemkrias etendante manojn. Ŝia vizaĝo paliĝis kiel ĉe mortinto. Ŝi ekmordis la lipon. La maljunulino demandis maltrankvile:

— Kio? Kio okazis?

La edzo enkuris la ĉambron, ĉirkaŭprenis la talion kaj la krurojn de l'edzino — kaj levis ŝin. La maljunulino helpis al li.

Ili enlitigis la malsanulinon. Ŝia buŝo eksangis. Apenaŭ aŭdeble ŝi flustris:

— Doktoron voku.

La edzo elkuris.

Tra la kurtenoj enrigardis la nokto, La edzo sidas ĉe tablo en apuda ĉambro, manŝtopas la orelojn, rigardante antaŭ sin kiel frenezulo. Lia ombro insidas sur la muro, kiel bestoj, starantaj sur siaj malantaŭaj kruroj.

En la apuda ĉambro estas la kuracisto kaj la maljuna virino. La malsanulino ĝemas kaj ploras. Ŝia voĉo plenigas per teruro la domon. Kvazaŭ oni senhaŭtigas ŝin kaj enboras pikilojn en ŝian karnon. Ŝi ĝemas kaj krias. Kvazaŭ oni dispecigas ŝian bruston, kaj enboras brulantajn torĉojn en ŝiajn vundegojn.

La edzo manŝtopas la orelojn, kaj en liaj okuloj brilas frenezeco. Li ankaŭ volas ĝemkrii kaj lamenti. Li volas piedrompi la pordojn, ruinigi la murojn, bruligi la domon, strangoli per siaj fingroj homkolon, du, tri.

La apuda pordo maltrankvile malfermiĝas kaj fermiĝas. La mateno ŝovas sian ruĝan vizaĝon tra la fenestroj. La ĝemkriado de l'malsanulino ŝiras la orelon, hirtigas la harojn. Li sensaĝiĝas. Kio okazas tie? Pro kio ŝi ĝemkriegas? La horoj pasas malrapide kaj timige.

La edzo balancas unudirekte la kapon. Li ne plu manpremas siajn orelojn. Liaj nervoj rekvietiĝis. Skuante unudirekte kapon li demandas sin:

— Kio okazas tie? Kial ŝi ĝemkrias?

Lia ombro palas sur la muro. Tie restas nur du brakoj, alpremitaj manplaton ĉe manplato, entendiĝantaj atingi ion. Ili preĝas.

La ĝemkrio de l'edzino fendas la aeron, kolektiĝas, reeksilentas kun korpremantaj ĝemoj, dum unu krio, krio de forbuĉita besto, krio de freneza homo enportas teruron en la domon kaj ĉio tuj denove eksilentas.

La doktoro malfermas la pordon.

La edzo enkuras la apudan ĉambron.

La edzino kuŝas en la lito kun okuloj fermitaj. Ŝi estas klininta kapon al la ŝultro, sur ŝia vizaĝo ludas ripozo kaj dormo.

La maljunulino faras ion en la angulo, ĉe l' akvujo, ne turnante dorson, ŝi iras al la proksima lito. La edzo postpaŝas ŝin, rigardas. Li vidis la infaneton kaj ne povis forigi okulojn de ĝi.

La doktoro ekridis de sur la sojlo:

— Knabo! Atleto vera!

La edzo rigardas senmove la infaneton. Ĝi estas kiel deŝirita karnpeco, sed li ne vidas tion. Li rigardas la okulojn de l'infaneto. Ili estas kiel du diafanaj violoj, li vidas siajn proprajn okulojn.

La kuracisto alpaŝas lin.

— Miajn gratulojn. Jam patro!

La doktoro etendas manon.

La patro staras senmove super la lulilo. Alion li ne aŭdas. Alion li ne vidas. Li estas konfuzita, surprizita, ĝoja, mirigita. Li ne povas diri, kion li sentas. En lia koro ŝprucas novaj, nekonataj sentoj. Li volas kisi la infaneton, sed timas lin. Li rememorigas al si la malbeligitan korpon de sia edzino kaj la timigan krion dum la vespero kaj sentas sin surprizita de l' subita infanapero. Ĝi estas plaĉa, li sentas, ke li amos ĝin per sia tuta estaĵo nekomprenante pro kio. Li atendis ion alian.

La edzino ne moviĝas, ŝi enspiras dormon ebriiĝante per ĝi. Super ŝi ŝvebtremas la suno de l' nova tago desegnante misterajn signojn. *El Bulgara tradukis HRIMA.*

# Rozoj por la Sinjorino

De Edmond PRIVAT

kun amika dediĉo al Andreo Ĉe.

Antaŭ-Kristnaska vespero. La urbego zumas. Mil lumoj brilas en noktaj stratoj kaj miloble mil en ĉielo supre. Rulas aŭtomobiloj en senfina procesio, jen haltantaj kvazaŭ longa serpento restreĉita, jen ekveturantaj unu post alia por rehalti ĉe la proksima stratangulo. Ĉiu flugas al sia plezuro kaj sorto.

Sur la trotuaroj amaso densa piediras malrapide, rigardante la helajn butikojn. Sur grandaj arkoj de ruĝaj lampoj sonoradas elektra voko de l' kinematografoj. Frostas. La restoracioj afiŝas gigantajn menuojn je prezoj eĉ pli gigantaj. Ĉe l' pordo de la « Santiago Bar » du knaboj kuristoj en ruĝa vesto simie salutas alvenantajn aŭtomobilistojn, helpas sinjorinojn en feloj, gvidas al enirejo.

Deputito Max van Dal ĵus envenis kun du belaj konatinoj. Fratinoj certe, brunokulaj kun apero greka. La restoracio estas plena, gaja, brua. Muziko sonas. Glasoj, falsarĝento kaj orangoj sunaj hele radias sur blankaj tablotukoj.

Kuras kelneroj, proponas tablon, eltiras seĝojn, prezentas manĝokarton. La sinjoro jam rezervis telefone. Ĝuste, Ĝuste. La sinjorinoj trovos spegulon en la vestejo...

Intertempe, la parlamentano ĉirkaŭrigardas. Estas iom malfrue. Multaj paroj manĝas jam deserton. Dancistino en ora ŝalo kun nudaj kruroj ĉirkaŭflugas la tablojn kiel dungita papilio.

Trans la vitroj, ekstere, homaj vizaĝoj enrigardas, fiksaj okuloj, nazoj premitaj, infanaj buŝoj malfermitaj kun fuma spiro tra la frosto. « Fermu la kurtenojn! » ordonas ĉefkelnero diskrete.

Dum alkuras la servoknaboj en ruĝa vesto, ĵus eniris blankhara figuro, maljuna virino en mizera nigraĵo kun korbo plena je rozoj. Tremanta mano proponas florojn: « Rozojn por la sinjorino? » Dika viro kun severaj brovoj turnas la dorson rifuze. « Ĉu vi ne vidas, ke nur kun edzino mi sidas? » respondas lia enuplena rigardo. La sinjorino efektive silentas.

De tablo al tablo paŝas la roz' avineto. Iuj aĉetas, iuj fordankas. La virino ne insistas. Modesta. Ŝi marŝas pene. Io nobla lumigas la vizaĝon lacan kun nazo fiera, okuloj rezignemaj.

Kia metio je tiu aĝo! pensas van Dal, kuradi nokte tiel, de strato al strato, de pordo al pordo, por ne frosti tute, ne malsati plene! Io en la brovoj, io en la malĝoja rideto lin memorigas pri patrino lia, tiom amata. Subite li ŝin imagas anstataŭ la virino, devigatan vendadi florojn en vesperaj kafejoj.

Kia ŝiro en la koro! Indigno. Honto. Nia civilizo ne respektas aĝon. Estas krime. Ĉiuj maljunuloj devus ricevi ŝtatan pension senescepte, sendiskute, rajton je ripozo, ĝuo de lastaj jaroj en paco kaj senzorgeco!

Li aĉetas la tutan kvanton de restantaj rozoj en la korbo: « Bonan panjon havis la sinjoro » flustris la virino dankante. Jes bonegan. Ŝin li adoris kaj ne tolerus suferigi, sed pri alies patrinoj kiu zorgas? Jen la tragedio.

Parlamento fermiĝis hodiaŭ. Ĝi rifuzis projektitan leĝon por asekuri maljunulojn. Ankaŭ li voĉdonis kontraŭ. Tro pezaj impostoj. Minacitaj kapitaloj riskas elmigri. Grava danĝero. Prefere kuraĝigi propran ŝparon. Interesi popolon je ŝparkasoj. Reklami asekurajn kompaniojn. Kio ne? Sed jen, se anstataŭ fremda virino starus propra patrino kun rozkorbo nokte en kafejoj, la tuta afero ŝanĝiĝus.

Egaleco, frateco, belaj vortoj, kompreneblaj nur se oni vidus propran sangon en ĉiuj homoj. Ankaŭ li kontraŭ okhora laborleĝo voĉdonis pro libereco. Nobla principo. Kial niaj avoj ja batalis, se ne pro libereco?

Jes, sed se propra filo aŭ filino ŝvitus tutajn tagojn en fabrikoj, ĉu ne severe oni devigus tiujn akciajn societojn limigi la horojn, ke la homoj povu spiri, iom vidi la sunon antaŭ kuŝiĝo, iom sidi hejme kun amatoj?

Frateco! Antaŭ dumil jaroj ĝin predikis hebrea ĉarpentisto. Nu, vidu kiel oni festas lian naskiĝtagon en konvertitaj landoj! Ĉampano, luksaj manĝoj, plenegaj restoracioj je fantaziaj prezoj! Kaj avinoj devas kuri tra la malvarmo kun frostitaj rozoj, eĉ pli frostitaj manoj, kaj la kelneroj devas fermi la kurtenojn por ke malsataj vizaĝoj ne ĝenu la plezuron. Pli similas feston de Kaino, kiu demandis: « Ĉu mi estas la gardanto de mia frato? »

Jam ekludas la orkestro furiozan « djazz ». Negroj batas manojn, frapas tamburojn. Rondflugas la dancistino tute proksime kaj eĉ rabis rozon el la tablo kun rideta permespeto. Re-

venas la du fratinoj, plenaj je apetito kaj pudro sur vangoj. For la revoj kaj turmenta filozofio. Bele'aj nazoj dronas en la rozojn por enspiri bonodoron. — « Ĉu vi fariĝis rusa princo por aĉeti tian tu'an ĝardenon ? » demandas ĉarmaj lipoj.

— Ne, ĉar se mi estus rusa princo, mi nun estus senmona, kaj se mi havus rusan animon, kian oni prilegas en Tolstoj aŭ Dostojevski, mi tuj ŝanĝus funde mian vivon kaj fariĝus ia Sankta Francisko el Asizi pro la subita semo de tiuj rozoj strange ĵetita kiel baraktanta lumeto en mian surprizitan animon. Fel'ĉe en nia sprita lando, ideoj estas unu afero kaj societa vivo tute alia. Tiaj flamoj ne brulas kaj nia civilizo daŭras.

— Kiel mistere kaj poete! Ĉu vi ne rakon'os al ni vian revon pro la rozoj, ĉar ni ja vin atendigis momentegon, ĉu ne? La vestejo estis plena! Pardonu.

— Antaŭ ĉio, ekkriis la dua belulino, ni ekmanĝu pro Dio! Mi malsategas. Poste, Max, se vi estas karulo, vi nin kondukos al meznokta meso ĉe Sankta Petro. Fama Sarah kan'os tie kaj mi tiom ŝatus iri. Ĉu vi ne povus telefoni por lui sidlokojn?

Kiam la triopo, satigita, atendis sur la trotuaro la menditan aŭtomobilon je la dekunua kaj duono, bruema knabeto kun drona ĉapego vendadis ĵurnalojn kaj kriadis senhalte por varmigi sin: « Lasta eldono. Diskutoj en la Senato! Niaj parlamentanoj voĉdonas al si plialtigon de salajro. Lasta eldono! Senatanoj plialtigas sian pagon! Lasta eldono ! »

— « Diablo, silentu momenteton, plendis Max al la knabeto, ci ja boras niajn orelojn. »

— « Pardonu, Sinjoro, diris la knabeto tuŝante per fingro la ĉapon, tro larĝan por li, mi ne sciis ke la Sinjora Moŝto estas Senatano! »

---

# Tra la Libraro

**Religio. — Politiko. — Lerniloj. — Muziko. Prospektoj.**

Modesta estas la libreto: *Ĉe la piedoj de la Majstro*, en kiu la nova profeto de l' teozofia movado, J. Krishnamurti, donas sian unuan instruon; sed en plaĉa eldono, kun portreto de l'aŭtoro, ĝi entenas moralan konsilaron de tre alta nivelo, al kiu ĉiu noblulo, de iu ajn kredo, povas aliĝi. Plie la esperan'a teksto estas bonega; tial oni taksos tiun verketon, ne laŭ ĝia amplekso kiu estas eta, sed laŭ ĝia perfekteco kiu estas ŝatinda. Jen kelkaj vortoj ĉerpitaj el ĝi: « Vi do devas fari la bonon pro amo al la bono, ne pro espero pri rekompenco; vi devas labori pro amo al la laboro, ne pro la espero vidi la rezultaton; vi devas fordoni vin al la servado al la mondo pro tio, ke vi ĝin amas, kaj ne povas vin ne fordoni al ĝi. »

« Kion vi deziras diri estu vera, bonkora kaj helpa. Antaŭ ol paroli, pripensu zorge, ĉu tio, kion vi estas dironta, havas tiujn tri ecojn; se ĝi ne havas, ne diru ĝin. »

« Vi rigardu kiel bagatelojn, la ĉagrenojn, kiuj venas en ĉies vivon, kaj evitu tiun senĉesan sinturmentadon, per kiu multaj homoj pasigas la plejmulton de sia tempo. »

« Unue, ne malutilu. Tri pekoj es'as kiuj efikas pli da malutilo ol ĉio alia en la mondo: klaĉo, krueleco kaj superstiĉo, ĉar ili estas pekoj kontraŭ la amo. »

***

En 1929, Ĉeĥa nacio festos la miljaran jubileon de sia patrono *Sankta Venceslao*. Interesan broŝuron, kun bildo de l' sanktulo, publikigas la komitato de l' festoj. Ĝi rakontas la vivon de l' martiro, la legendojn kiuj pri li estiĝis, la faktoron kiu iom post iom faris lin kvazaŭ standardo de lia popolo. Stilo kaj eldono estas laŭdindaj.

Alia broŝureto *Historieto de la Nanzenĵi* Templo diras en lingvoj Esperanta kaj Angla pri la fondo kaj sinsekvaj rekonstruoj de budhista templo, lokita en bela parko proksime de Kioto, kaj interesa pro historiaj okazintaĵoj.

***

Simpatias kompreneble la Esperantistoj kun ĉiu porpaca movado; tial ili legos volonte la bone tradukitan tekston de l' broŝuro: *La ekonomiaj kaŭzoj de milito kaj de industria malbonstato.* Per bona argumentado ĝi pledas por forigo de l' doganaj baroj, por libera in'erŝanĝo de l' varoj, por sistemo de impostoj, bazita sur la valoro de l' tero posedata.

***

El Ĉinujo, Internacia Rilato-Komitato dissendas albumon kun titolo: *Mondpaco kaj Ŝantuna Demando.* Multaj bildoj kaj tradukitaj dokumentoj celas pruvi la maljustecon de l'okupado de ĉina provinco Ŝan'un per la Japanaj armeoj, raportas pri ties kruelaj senmotivaj detruoj aŭ mortigoj, kaj montras ke tia agado minacas la pacon kaj estas graveda je nova milito. La tuto, fotografaĵoj kaj protestoj, estas konvinkiga; tamen prudentan juĝon oni kompreneble povas fari nur post studo de l'alipartia argumentaro; kvankam kripligitaj vortoj kaj frazoj svarmas en la teksto, ili tamen lasas ĝin komprenebla.

***

La *Kompleta Lernolibro* por Poloj de D-ro L. Dreher atingas trian eldonon; tiun sukceson meritas la simpla bona libro kaj ĝia lerta aŭtoro.

*Der Verkehrs-Esperantist* estas kolekto da dialogoj en Esperanta kaj Germana lingvoj pri dogano, vojaĝo, hotelo, restoracio, poŝtoficejo, magazenoj, k.t.p. por ekzerci la parolatan ĉiutagan frazaron. Alfabete ordigitaj gramatikaj klarigoj formas duan parton de tiu taŭge elpensita verketo. Sed en tia lernolibro ne devus resti tiom da pres- kaj stileraraj: plej multaj el tiuj lastaj devenas de tro laŭvorta traduko de l' germana originalo.

Reeldonita estas la ŝlosilo por Nederlanda lingvo *Esperanto-Sleutel*, kun la ordinara enhavo de tiuj praktikaj vortaretoj; Komerca vortaro kompletigas ĝin, presita per mikroskoja literaro.

La nombro de la ŝlosiloj eldonitaj sub la aŭspicioj de la Internacia Centra Komitato estas nun dek: albana, germana, hispana, itala, judgermana, latva, nederlanda, norvega, rumana kaj sveda (tiu jam en dua eldono postmilita). Kompostata estas la malaja, la pola kaj la slovena; pretaj manuskriptoj ekzistas por la hindustana, araba kaj la romanĉa (Ladina). En prilaboro troviĝas la slovaka, la ĉina, la japana kaj la malgaŝa. La persa eliras dum la nuna monato.

(*Informo de la Bibliografia Servo de UEA*).

Kiel ĉe naturaj lingvoj, ankaŭ por Esperanto plimultiĝas la konkurencaj stenografiaj sistemoj kaj estigas ĝenantan diversecon. Jen estas prezentata Esperanto-alfaro de Radnai-Stenografio, kiu ŝajnas nek pli facila, nek malpli taŭga ol aliaj; ĉu ne prave ĉiu stenografo asertas, ke la skribo, kiun li praktikas, estas la plej bona!

***

Por la sprita humora versaĵo de S-ro Schwartz: « Koro estas eta instrument' sekreta... » S-ro Kalmanowicz komponis gajan melodion kun bela piano-akompano; ne tro malfacila, la ario estas artplena; ĝi estas unu el la plej viglaj muzikaĵoj nun havebla por distramuzi aŭdantaron dum Esperantista kunveno aŭ festo; multaj profitu tiun eblecon kaj mendu la bone eldonitan muzikaĵon, prezentitan sub brile kolorita titolpaĝo, ŝerca kiel la teksto mem.

***

Reklamiloj de la Benson School of Esperanto en New-Jersey, Usono, anoncas ke la *Universala Esperantigilo* en 10 kajere'oj, en kiu la tuta lingvo estas instruata per 2.300 bildoj originalaj, estas finpresita kaj aĉetebla.

La *Book-List* (Librolisto) de Brita Esperanto-Asocio estas la katalogo prezaro de la tre multaj esperantaĵoj vendataj de tiu firmo.

G. S.

# Novaj libroj

*Koro estas eta instrument' sekreta.* Paroloj de Raymond Schwartz, Paris. Melodio de Oktavian Kalmanowicz, Lublin. Eldono: Pola Esperanto Asocio, Lublin, Poŝtkesto 74. — 6 paĝoj, 25 ½ × 34 cm. — Prezo: afr. 3.— sv. fr.

*Mondpaco kaj Ŝantuna Demando.* Eldono de Internacia Rilato-Komitato, 5 Mao-Tao strato, Nankino, Ĉinio. — 66 paĝoj, 19 × 26 ½ cm. (kun bildoj). Dissendata senpage.

*Radnai-Stenografio.* Mallonge prezento de la Esperanto-alfaro. En kunlaboro kun D-ro A. Radnai, verkis Ludoviko Kökény. 1928. Eldono de D-ro A. Radnai, Budapest IV, Egyetem-Tér. 5. — 8 paĝoj, 15 ½ × 23 cm. — Prezo: 2 respondkuponoj.

*La Ekonomiaj Kaŭzoj de Milito kaj de Industria Malbonstato.* El la Angla tradukis Oscar M. Wihl. Eldonita de Internacia Unuiĝo por Tervaloro-Impostado kaj Libera Komerco, 11 Tothill Street, London S.W.1. — 8 paĝoj, 14 × 21 ½ cm. — Prezo: 2 pencoj.

*Der Verkehrs-Esperantist.* La Esperantisto en interkomunikiĝado. Ausführliche Gespräche (Esperanto und Deutsch) samt alphabetischer Grammatik, von R. Berling. Memeldono, Linz an der Donaŭ. — 90 paĝoj, 11 ½ × 15 cm. — Prezo ne montrita.

*Book-List.* British Esperanto Association, 142 High Holborn, London, W.C.1.— 16 (+ 4) paĝoj, 12 ½ × 19 ½ cm.

*Ĉe la Piedoj de la Majstro.* Alcyone (J. Krishnamurti) kun permeso tradukita de W.W. Mann. 1928. Paris, Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy. — 62 paĝoj, 9 ½ × 14 cm. Prezo: 3 fr. fr. (sendelspezoj: 0,75).

*Universala Esperantigilo* de Benson School of Esperanto. No 518, Broad Street, Newark, New-Jersey, U.S.A. (Diversaj reklamiloj en koverto).

*Sankta Venceslao,* Patrono de Ĉeĥa nacio. Lia vivo, martira morto kaj gloro. 1928. Komitato por festoj de miljara jubileo de Sankta Venceslao, Josefska 8, Praha III. — 32 paĝoj, 12 ½ × 19 ½ cm. — Senpage sendata.

*Historio de la Nanzenĵi Templo.* Eldonita de la Nanzenĵi Templo, Kioto, Japanujo. — 16 paĝoj, 12 ½ × 18 ½ cm. — Prezo ne montrita.

*Kompletny Podrecznik Jezyka Esperanto.* (Kompleta Lernolibro de la lingvo Esperanto). 1928. Leo Turno. Tria eldono kun Radio esprimaro Esp.-Pola. Adreso: D-ro Leopold Dreher, Krakov, Starowislna, 37. — 68 paĝoj, 12 × 16 cm. — Prezo: 1,20 sv. fr.

*Esperanto-Sleutel.* Nederlanda. H. Blok. Vechtstraat, 60, Amsterdam.— 30 paĝoj, 7 ½ × 11 cm.— Prezo: 7 ½ cent.

# La Mondlingva Monumento

Neniu diskutas utilon de kompleta bibliografia katalogo de nia literaturo. Tiu de Davidov, eldonita en 1911, jam malnoviĝis, es'ante nekontentiga en siaj indikoj eĉ pri la malnovaj verkoj. Tamen, kiel sola, ĝi havis sukceson.

Sed — apud la praktika utilo — staras morala valoro de tiaspeca katalogo: ĝi estas kvazaŭ ora libro je la honoro de tiuj, kiuj laboris por Esperanto. Kaj sen morala apogo neniu movado sukcesas, precipe la movado esperantista, kiu naskiĝis el idealismo kaj kiu estas forta nur pro la idealema sinofero.

Antaŭ du jaroj ni starigis projekton de bibliografio de Esperanto. Poste, ni ĝin plivas'igis, aldoninte fakon de aliaj mondlingvoj. Fine, la materialo, kiun ni studis, trudis al ni la ĝeneralan fakon de mondlingvaj antaŭuloj, parencaj sistemoj. En aŭgusto 1927 la Bibliografio estis komencita laŭ la fiksita programo, kiu antaŭvidis ke ĝia amplekso estos 400 paĝoj en la formato de jarlibro UEA. Por tia amplekso ok aŭ dek monatoj plene sufiĉus. Sed, la nombro da registra'aj verkoj, la malfacileco ilin trovi, la komplika korespondado kun sesdek kunlaborantoj, la deziro identigi dubajn eldonojn, retrovi verajn aŭtorojn de anonimaj verkoj, rekoni datojn, fine — la neceso ĉion ordigi, sisteme prezenti, kontroli, komparante centojn da katalogoj, gazetoj kun ilia recenzaro, manskribitaj listoj de niaj kunlaborantoj, ĉio tio starigis en printempo 1928 antaŭ ni la dilemon: aŭ fini la laboron nepre por la kongreso, restante en la limoj de la fiksita programo, do — lasante neprofitita duonon da valora materialo jam preta; aŭ — preferi alian, pli malfacilan kaj multekostan, vojon de la serioza kompleta eluzo de ĉiuj materialoj, plibonigo de la manuskripto per pluaj aldonoj, kontroloj kaj eltrovoj; unuvorte — la sola digna vojo kiu nin kondukus al io pli solida ol ĝisnunaj katalogoj. Kaj, en las'a momento nin decidigis jena penso: nia Bibliagrafio estu vera danka monumento je la honoro de niaj antaŭuloj kaj niaj nunaj samcelanoj; ni dediĉu al ĝi niajn fortojn por ĝin fari laŭeble solida kaj bela, inda de la ideo al ni kara. Ĝi estu nia unua granda kolektiva konstruaĵo, kia ankoraŭ ne ekzistis en nia movado. Tiu penso kuraĝigis nin sur nia pena vojo.

Kaj nun proksimiĝas la momento kiam nia verko naskiĝos, aperos por la publiko. Preskaŭ sep mil verkoj, cititaj kun komentaro, kompostitaj per sep diversaj liter tipoj, per 300 malsame akcenti'aj literoj, kun kliŝoj de gravuroj kaj grafikoj — tia laboro pardonigas malfruiĝon. La verko ne estas seka nomaro, titolaro de eldonaĵoj. Ĝi similas al historio de mondlingva ideo, abunde ilustrita per la nomoj de tiuj du mil homoj kiuj laboris por ĝi, dokumentita per iliaj sep mil verkoj. Sed pleje surprizis nin, kaj mirigos ĉiun atentan leganton, la novaj eltrovaĵoj en ĝi registritaj, vas'aj spiritaj horizontoj kiuj aperas en ĝi, elvokitaj de la gloraj pensuloj de antikvaj, mezepokaj kaj modernaj periodoj. Ni esperantistoj en tiu « genealogia arbo », en tiu kvazaŭ « familia biblio » retrovos la nomojn de niaj spiritaj patroj, avoj kaj prauloj. La historio de mondlingva ideo ĝermis jam en Hinda Veda Libraro, en Irana filozofio kaj en Babilonio. Poste ni renkontas en la verko bildojn de Descartes, Leibniz, Comenius, kiuj nin rigardas el antikvaj gravuroj kiel niaj pliaĝaj fratoj, aŭ pli ĝus'e kiel niaj patroj. Kun la universala alfabeto kaj filozofia gramatiko la mondlingva ideo konkretiĝas. Jen la kurioza titolpaĝo de la « Palaco je 64 fenestroj » unua aposterioria lingvo, kiun eltrovis nia Bibliografio: ĝi estis verko de sviso De Ria, eldonita en Peterburgo 1788. Ni ne povas ĉi tie detale rakonti pri ĉiuj sekcioj, fakoj, ĉapitroj kaj pri ĉiuj surprizoj de la verko. La publiko mem ĝin baldaŭ povos foliumi. Granda estis la pacienco de niaj amikoj kiuj antaŭmendis la verkon, kies apero prokrastiĝis, prokrastiĝis senfine. Sed, ankoraŭ pli granda estos ilia ĝojo, kiam ili tenos en la manoj la luksan volumon, veran monumenton de la mondlingva ideo.

*(Bibliografia Servo.)*

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Letero al la tutmonda Esperantistaro

Karaj Gesamideanoj !

En ĉiu jaro nia popolo elektas novan ĉefurbon por sia imagita lando por demonstracie festeni la ekziston kaj nehaltigeblan progreson de Esperanto. La internacia konsento pri la elekto honoras la koncernan nacion kaj tiujn esperantistojn, kies malfacila tasko estas prepari la Universalan Kongreson.

Via elekto por la jaro 1929 honoris Budapeston, la ĉefurbon de Hungarujo, kiu fariĝos la ĉefurbo de Esperantujo. Konsiderante la gravecon de tiu ĉi fakto el vidpunktoj de la tutmonda movado kaj de la hungara kulturo, kiun iom koni vi certe dezirus, ni tutkore dankas vian fidon, vian meritindan honoron. Kun sincera samideana simpatio la Loka Kongresa Komitato invitas vin ĉiujn al la 21-a Universala Kongreso de Esperanto, por kies plena kaj harmonia sukceso ni ne ŝparas entuziasmon, energion kaj sindonan laboron. La hungara gastameco estas ja konata kaj tiun ĉi fojon ĝi havas ankoraŭ specialan instigan motivon: demonstracii pri sia pacamo kaj servi per tio al la tutmonda kulturo kaj al la interfratiĝo de la nacioj.

Kutime estas, ke ĉe la komenco de la laboro la L. K. K. donas perspektivan programon. Ni ne faros tion. La oficialaj kaj neoficialaj punktoj de la budapesta programo estos identaj, respektive similaj al tiuj de la antaŭaj mondkongresoj. Memkompreneble, ĉar la statuto de la Kongresoj kaj la tradicio difinas nian agadmanieron. Cetere la Oficialaj Bultenoj informos vin pri la detalaĵoj.

Nia letero havas deklaracian karakteron. En tio ĝi diferencas de ĉiu alvoko de la antaŭaj kongresoj. Tion fari devigas nin cirkonstanco, staranta ekster nia esperantista mondo. Ofte la taga politiko kreas antagonismon inter nacioj. Ĝi influas forte la objektivan prijuĝon kaj kelkfoje malhelpas la sukceson de noblaj, pure kulturaj interesoj. Tion ĉi pruvas la leteroj de kelkaj samideanoj, civitanoj de najbaraj landoj, kiuj havas skrupulojn. La skupulojn nutras maljuste motivita supozo aŭ kalumnio, devenanta el fonto nekonata. Sincere konfesante ni miris, ĉar el la laborprogramo de L. K. K. estas ekzilita la taga politiko.

La L. K. K. deklaracias do: ke ne havas politikajn celojn per la aranĝado de la Kongreso kaj ne permesas alpreni politikan temon — ĉu nacian ĉu internacian — por la programo, pri kiu li havas plenan respondecon ĉe I. C. K. kaj ĉe sia ŝtata registaro.

La L. K. K. klopodas atingi harmonian konsenton kaj tute ne celas aranĝi ian kakofonian koncerton, kiu kompromitus samgrade la hungaran gastamecon, kiel la idean sencon de nia movado. La universalaj kongresoj de Esperanto ĉiam havis duoblan celon: 1-e, servi al la tutmonda movado, 2-e, konatiĝi kun la kulturo kaj tute ne kun la politikaj interesoj de la gastiganta nacio. Jen ankaŭ niaj principoj. La 21a Universala Kongreso havos do nur tiomgrade nacian karakteron, kiomgrade havis tion ĉiu antaŭa.

La tutkora kaj sincera invito de la L. K. K. estas adresita al ĉiu esperantisto. Ni volas montri ja al la neesperantista amaso kaj al la skeptikuloj, ke jen super la politiko ekzistas frata harmonio, kiu povus servi kiel modelo al tiuj, kiuj direktas la sorton de la nacioj. Venu kaj konvinkiĝu, ke la supozoj kaj nemotivitaj akuzoj estas, estis nur kalumnioj. En nia esperantista medio neniu samideano sentos sin fremda, duonfavorata aŭ neglektata.

Donante tiun ĉi deklaracion ni sincere dankas eĉ tiujn leterojn, kiuj iom maldolĉigas nian ĝojon pri la fido kaj honoro, donacita de la tuta esperantistaro al la L. K. K. kaj al nia nacio. Tiuj leteroj hardas nian ernergion, persistemon por konvinki ĉiun partoprenanton de la Kongreso pri la vero per elokventaj faktoj.

Kun malfermita frata koro kaj esceptojn nekonanta samideana simpatio ni alvokas la tutmondan esperantistaron: Bonvenon en Budapest al ĉiu, kiu venas labori kaj festeni kun ni !

En la nomo de la L. K. K. de la 21a Universala Kongreso de Esperanto.

Budapest, 15an de januaro 1929.

| *Jozefo de Mihalik* | *Julio Baghi* | *Paŭlo Tolnai* |
|---|---|---|
| prezidanto. | komitatano. | sekretario. |

## JUBILEO

*Dresden*, la ĉarma ĉefurbo saksa estis unu el la unuaj centroj de nia movado en germanaj landoj. Kiu trafoliumas jarlibrojn antaŭ- kaj postmilitajn ja facile konstatas ke tie regas vigla vivo. Tion dank' al malavara subteno de eminentaj samideanoj. Inter ili ni memoru pri Sinjorino Marie Hankel, kiu povis festi la 2an de Februaro la 85an datrevenon de ŝia naskiĝo. S-ino Hankel, aliĝis al la movado en la jaro 1905 kaj fariĝis gvidantino de la unua cirklo en Dresden en tiu jam legenda tempo




Marie Hankel, Dresden,
*pionirino de Esperanto depost 1905.*

kiam pri Esperanto efektive oni renkontis nur ridetaĉon. S-ino Henkel estis ano de la fama Kvaro por la Kvara t.e. la kvar ĉefaj personoj kiuj organizis la tiom brile sukcesintan kongreson en Dresdeno. En Barcelono ŝi ricevis la unuan premion dum la Flora Ludo por la poemo « Rozujo sovaĝa, simbolo de l' amo », kies vortojn oni trovas en la kajereto « Sableroj » kolekto de poemoj kaj verkaĵetoj. Ŝi partoprenis ĉiujn kongresojn kaj dum multaj jaroj gvidis efike la Literaturan Asocion. Honoron kaj dankon por ŝia nelacigebla penado kaj sinceran bondeziron de multaj kiuj ne *forgesas.*

## La Lumfesto en Saarbrücken

La neprospera ekonomia stato de Germanujo malpermesas al germanaj urboj, malgraŭ la alta nivelo de ĝia elektra industrio, plenuzi la estantajn eblecojn, por malŝpareme kaj reklame lumigi la publikajn konstruaĵojn, stratojn kaj magazenojn. Nur la ĝuste necesa lumkvanto ĝenerale estas dissendata por tiaj celoj.

Tamen, komence de la vintro, je la malĝoja fino de Novembro, kiam oni sentas la bezonon al lumo kaj ĝojo pli vigle, prudentaj kapoj eltrovis novan urban feston kiel instigilo de la kristnaska aĉetemo, kiel altirilo de la kampara kaj regiona loĝantaro al la urbo: la *lumfesto!* Ŝajnas, ke la modesta kaj sankta kristnaska festo ne plu sufiĉas al modernaj homoj.




La negocaj interesoj de la komercistoj atentigitaj per la trafikoficoj pli kaj pli postulas tiun feston, kvankam la kostoj iom ŝarĝas tiujn, kiuj opinias prosperigaj tiujn elspezojn. La efiko ofte ne aperas tuj, sed iom poste. Berlino estis kontenta pri tiu efiko: egaj amasoj ankaŭ da fremdaj rigardemuloj trakuris la stratojn kaj postlasis sufiĉajn sumojn.

Movado igas trafikon, gajnon. Kiam ankaŭ Saarbrücken projektis tian feston, ne nur la registaro, la urbo, la komerca ĉambro kaj la aro de tiuj, kiuj intencis profiti materie de la amasigo de tiom da rigardantoj, ekpreparis vidindaĵojn, sed ankaŭ la idealistaj esperantaj klubo kaj grupo, elspezante parton de siaj ŝparaĵoj, por montri al videmaj homamasoj, ke Esperanto vivas, laboras kaj progresas. Granda verda standardo flirtis en la centro de la urbo, kaŭzante multajn demandojn; kaj dum vespera veturila procesio ankaŭ *esperanta* aŭtomobilo kun propagandaj surskribaĵoj, antaŭe portante 5 - pintan verdan stelon sur stango, parolis vigle al la ega ĉeestantaro. — Kaj la tutaĵo ne kostis multe. Ĉar esperantistoj kaj ties amikoj aldonacis la plejparton. Kaj la veturilo, kies kufego estas facile demuntebla, ankoraŭ ofte dumtage trakuros la urbon, parolante al ĉiuj, kiuj ŝatos la enkondukon de mondlingvo. — Imitu tiun ekzemplon eble ĉie.

## Ferdinand Antoni Ossendovski

*(Lia opinio pri nia lingvo)*

Kiu ne konas la nomon de tiu eminenta verkisto, kies libroj nun aperas samtempe en dudek lingvoj?

Sciencisto, profesoro de ĥemio kaj fiziko, alta komisaro sub generalo Kuropatkin en Rusujo dum la rusa-japana milito, sendito dum la mondmilito en speciala misio al Mongolio, dum jaroj teknika konsilanto de grandindustriisto grafo Witte, poste profesoro de l' Politeknika Instituto en Petrogrado, redaktoro de la gazeto *Oro kaj platino.*

Post la revolucio sur grava posteno en la Ministerio de Financoj de Siberia registaro, post ĝia disfalo, deviga forkuro en Jenisejarbarajn kaj poste ĉiam pli malproksimen...

Tiuj lastaj aventuroj-travivaĵoj inter la vivo kaj morto estas la temo de lia fama verko *Bestoj, homoj kaj dioj,* kiu aperis unue en la angla lingvo.

Kiom da bruo, kiom da diskutoj, kiom da prelegoj ĝi kreis en ĉiuj anguloj de l' mondo! Ĝi naskis eĉ tutajn societojn *por* kaj *kontraŭ!*

Ni ne intencas partopreni la pasintan diskutbatalon. Pri la eventuala troŝminkigo de kelkaj paĝoj ĉiu mem juĝu. Ni nur akcentu, ke la opinio de la konata amerika verkisto *Albert Shaw,* ke Ossendowski povas esti nomata Robinson Kruzoe de la dudeka jarcento, ŝajnas al mi ĝusta.

Dume Ossendowski ne ripozas. Profesoro de la Militlernejo kaj de la Supera Komerclernejo en Varsovio li trovas tempon por longaj vojaĝoj. Li vizitis preskaŭ tutan Afrikon kaj ĵus faras preparojn por la venontjara vojaĝo Hindujon. Aperas libro post libro: « Homo kaj la mistero de Azio ». « De la

prezidanteco al la malliberejo », « Malantaŭ la ĥina muro », k.t.p.

Li apartenas nun sendube al la plej eminentaj kaj plej talentaj tutmondaj aŭtoroj, kies libroj estas tre ŝatataj kaj multe legataj.

Ĵus li estis invitata skribi artikolon por speciala kolektiva verko s.t. « Diktatoreco », kies kunlaborantoj estas gravaj



eminentuloj, ĉu sur literatura ĉu sur politika kampo: Bernard Shaw, de Monzie, Briand, Nitti, Thomas Mann, Rongeroz, k.t.p.

Antaŭ nelonge Ossendowski estis en Parizo. Plurfoje ni intervidiĝis antaŭ ol mi kuraĝis demandi lian opinion pri esperantistoj kaj esperanto.

Pri la unua ĝi estis *privata* opinio, kiun mi do ne intencas publikigi. La opinio pri Esperanto eniris la intervjuon.

Jen ĝi:

« Mi opinias ke lingvo internacia estas necesa, ĉar la nuntempa rapida interkomuniĝado, kiu permesas al nacioj pliproksimiĝi korpe kaj anime, estas tamen en granda parto malplifortigita pro la malfacileco de interkompreniĝo. Kiam Esperanto, fariĝos homa lingvo ĝeneraligita en la eksteraj rilatoj, tiu malhelpo estos forigita kaj tiam la rezultato de la interkompreniĝo de nacioj donos riĉajn eble eĉ neatenditajn rikoltojn!

Mia opinio pri ĝia valoro por la literaturo?

« Esperanto povas ludi gravan rolon por la artista kaj literaturo interŝanĝo de ĉiu nacio kaj kio estas plej grava, ke la traduko povas esti farata senpere ekzemple el la pola en esperanton kaj tiel ĵetita (disvastigita) en la tutan mondon sen neceso ilin traduki en aliajn lingvojn. Tio malutilas al la tuta karaktero kaj psiko de la verko, kiuj ŝanĝas laŭ tradukoj ».

S. GRENKAMP.

## Kunlaboru por Frankfurt a. M.

Apenaŭ 6 semajnoj restas ĝis la okaziĝo de la *Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo*. La preparoj bone progresas. La efiko de la forsenditaj invitoj estas atentinda. Ĉio esperigas bonan sukceson.

Sed urĝas, ja urĝegas, ke niaj samideanoj faru ĉion necesan kaj interrilatu kun la sekretariejo de la konferenco. Ne estas eble organizi ion por nia afero, se ni ne scias, pri kio disponi.

Esperantistoj, aktivuloj! Bonvole tuj plenumu la sekvantajn petojn:

*Eksterlandaj samideanoj* aliĝu tuj al la konferenco.

Klopodu, ke vi *fariĝu reprezentanto* de iu interesita entrepreno. Ekzistas mil eblecoj pri tio.

*Fakuloj esperantistaj* interrilatu kun la Prepara Komitato por partopreni en la programo. Antaŭ ĉio ekseterlandanoj devas sin anonci.

Donu al ni adresojn de *Fakuloj ne-esperantistaj*, kiujn ni povas inviti por paroladoj nacilingvaj, poste tradukotaj en Esperanton. La programo devas esti preta je fino de Februaro, aŭ komence de marto.

La *praktika sukceso* de la Konferenco dependas de niaj eksterlandaj samideanoj. *Venu multnombre por fari imponan demonstracion.*

Ĉiun korespondadon adresu al: S-ro Robert Kreuz, Honora agento de la Foiro de Frankfurt a.M., 12, Boulevard du Théâtre, *Genève, Svislando*.

* * *

### Esperantista Programo por Pasko 1929 en Frankfurt a.M.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Vendredo: | 29.3. | mat. | Malfermo de la Akceptejoj. |
| | | ptm. | Kunsidoj de la estraro de GEA kaj de aliaj estraroj. |
| Sabato: | 30.3. | 9,30 h. | Malfermo de la Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo. (Ĉeesto de Esperantistoj estas honora devo.) |
| | | 14,30 h. | Unua Laborkundio de la Konferenco. |
| | | vesp. | Interkonatiĝa vespero de la Germana Esp. Kongreso. |
| Dimanĉo: | 31.3. | 9,00 h. | Kunveno de S.O.L., Gvidado ktp. Aliaj kunvenoj ankoraŭ fiksotaj. |
| | | 14,30 h. | Ĉefkunveno de la Germana Esperanto - Asocio. Programo aparte diskonigota. |
| Lundo: | 1.4. | 9,00 h. | Dua Kunsido de la Internacia Konferenco. |
| | | 14,00 h. | Tria Kunsido de la Internacia Konferenco. |
| | | 16,30 h. | Dua Kunsido de Germana Esperanto-Asocio kaj Fermo de l' Germana Kongreso. |
| Mardo: | 2.4. | mat. | Kvara kaj Kvina Konferenco- |
| | | ptm. | Kunsidoj (eventuale fermo). |
| Merkredo: | 3.4. | 9,00 h. | Ferma kunsido de la Konferenco. Ekskurso al Wiesbaden laŭ invito de la urbo. |

(Lastminute ŝanĝoj rezervataj.)

# Universala Esperanto - Asocio




Centra Oficejo:
12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

## Oficiala Informilo

Administra jaro 1929. N-ro 4. Februaro 1929.

*Bilanco 1928.* — Konforme al Art. 48 de la statuto de UEA ni konigas la bilancon de la jaro 1928. Detala raporto estas submetata kiel tio okazis ĉiujare, al la Komitato de nia Asocio. Ĝi ekzamenos la detalojn kaj laŭnecese aprobos la agadon.

### Malferma bilanco : 1. Novembro 1927.

*Administra jaro de UEA 1. Nov. 27 ĝis 31. Okt. 28.*

| | Ŝuldas | Havas |
|---|---|---|
| De Kaso ..................Fr. sv. | | 370,91 |
| De svisa poŝtĉeko .................. | | 315,08 |
| De Banko .................. | | 17.093,10 |
| De Fremdaj monoj .................. | | 5.872,50 |
| De fremdaj poŝtĉekoj .................. | 51,13 | 3.792,32 |
| Disponebla mono .......... | 51,13 | 27.443,91 |
| De konthavantoj .................. | | 4.906,85 |
| De Div. Kred. Debitoroj .................. | | 1.288,71 |
| De Materialo-Maŝina konto .................. | | 9.000,00 |
| De prespapero .................. | | 1.810,58 |
| De specialaj kontoj .................. | | 8.936,27 |
| De konto komerco .................. | | 3.864,42 |
| Al Konthavantoj .................. | 18.860,84 | |
| Al presisto .................. | 2.902,20 | |
| Al Div. Kred. Debitoroj .................. | 322,00 | |
| Al Spec. kontoj .................. | 34.779,57 | |
| | 56.915,74 | 57.250,74 |
| Oficeja Kapitalo .................. | 335,00 | |
| | 57.250,74 | 57.250,74 |

### Fina Bilanco : 31 Oktobro 1928.

*20a administra jaro de UEA de 1. Nov. 27-31 Okt. 28.*

| | Aktivoj Fr. sv. | Pasivoj fr. sv. |
|---|---|---|
| En la kaso .................. | 218,81 | |
| Svisa poŝtĉeko .................. | 396,57 | |
| En Banko .................. | 2.698,68 | |
| En valorpaperoj svisaj .................. | 3.525,00 | |
| En fremdaj poŝtĉekoj .................. | 3.330,38 | |
| En fremdaj monoj .................. | 2.248,72 | |
| Sumo de la disponebla mono: | 12.418,16 | |
| Special-kontoj de UEA .................. | 23.580,40 | |
| Konthavantoj .................. | | 2.717,13 |
| Kreditoroj .................. | | 30.638,70 |
| Div. Kred. Deb. .................. | 2.302,30 | |
| Fremdaj kontoj .................. | | 4.945,03 |
| Konto Perdo-Gajno .................. | | 6.167,84 |
| Kapitalo .................. | | 6.835,00 |
| | 38.300,86 | 51.303,70 |
| Dumjara perdo .................. | 13.002,84 | |
| | 51.303,70 | 51.303,70 |

### Bilanca konto Perdo kaj Gajno

*1928*

| | | Perdo | Gajno |
|---|---|---|---|
| Dumjara perdo: | | | |
| Regula Administrado .......... | 10.938,04 | | |
| Enketa komisiono .......... | 2.064,80 | 13.002,84 | |
| De konto Div. perdoj kaj gajnoj: | | | |
| 1. Monkolekto .......... | 3.802,31 | | |
| 2. Profitoj .......... | 2.365,53 | | 6.167,84 |
| De Asocia kapitalo: Jara subteno .......... | 4.000.— | | |
| Eksterordinara helpo por la elspezoj de la Enketa Komisiono .......... | 2.500.— | | |
| De Oficeja Kapitalo: Antaŭa havo | 335.— | | 6.835,00 |
| Sumoj ......Fr. | | 13.002,84 | 13.002,84 |

### Administra konto de UEA.

*Jaro 1928.*

ELSPEZOJ

| | Fr. sv. |
|---|---|
| 1. Salajroj por ses personoj .................. | 24.170.— |
| 2. Oficejo: Luo, hejto, lumo, purigado, telefono .... | 5.247,55 |
| 3. Gazeto: Presado, papero, afranko .................. | 13.497,69 |
| 4. Jarlibro: Preso kaj afranko .................. | 17.174,26 |
| 5. Afranko: Centra Oficejo (2.843 leteroj, 1.240 poŝtkartoj kaj 9.860 presajoj kaj pakajoj .......... | 4.265,80 |
| 6. Afranko de la ĉefdelegitoj, sekretarioj kaj perantoj. | 3.264,07 |
| 7. Presajoj: Bultenoj, aliĝiloj, k.t.p. .................. | 3.811,24 |
| 8. Materialo .................. | 1.923,17 |
| 9. Telegramoj .................. | 74,15 |
| 10. Kosto de la elekto de la nova komitato .......... | 684,02 |
| 11. Premioj al subtenantoj .................. | 1.864,19 |
| 12. Maklero al ĉefdelegitoj kaj perantoj .................. | 597,69 |
| 13. Subvencio al ICK .................. | 2.500.— |
| 14. Imposto, asekuro .................. | 277,55 |
| 15. Vojaĝelspezoj .................. | 2.472,28 |
| 16. Premioj al frupagintoj kaj varbintoj .................. | 2.997,19 |
| 17. Diversaj elspezoj .................. | 995,95 |
| 18. Statistiko: Aparta komposto kaj div. pagoj ...... | 807,76 |
| 19. Kosto de la Enketa Komisiono .................. | 2.064,80 |
| Sumo de la elspezoj .................. | 88.689,36 |

ENSPEZOJ

| | |
|---|---|
| 1. 77 kotizoj de Helpmembroj .................. | 90,18 |
| 2. 2.00 kotizoj de Membroj .................. | 8.957,85 |
| 3. 5.966 kotizoj de Membro-abonantoj .................. | 52.108,47 |
| 4. 444 kotizoj de Membro-Subtenantoj .................. | 10.081,98 |
| 8.887 anoj kiuj kune pagis la sumon de ..........Fr. | 71.238,48 |
| 184 Dumvivaj anoj .................. | ........ |
| 9.071 anoj de UEA je la fino 1928 .................. | ........ |
| 5. Kotizoj de 88 entreprenoj .................. | 803,46 |
| 6. Abonoj de grupoj .................. | 589,17 |
| 7. Venditaj numeroj .................. | 36,13 |
| 8. Anoncoj Gazeto Esperanto .................. | 1.282,17 |
| 9. Anoncoj Jarlibro .................. | 1.737,11 |
| (Sumo de la nekotizaj enspezoj N-ro 5 ĝis 9 estas Fr. 4.448,04) Sumo de la enspezoj: | 75.686,52 |
| Al konto Bilanca Perdo-Gajno: Jara perdo en la regula administra konto .................. | 13.002,84 |
| Sumo ..................Fr. | 88.689,36 |

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio la Dumvivan Membrecon al UEA la jenaj personoj:

| | Fr. sv. |
|---|---|
| Atesto: Dua Serio | 8.100.— |
| 28. F-ino Penterman, Hago | 300.— |
| 29. S-ro Paul Bouvier, Komitatano de UEA, Genève. | 300.— |
| Sumo Fr. | 8.700.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas tricent Frankojn svisajn, pageblajn en tri partojn dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto Esperanto kaj de la jarlibro kiel ankaŭ de eblaj aliaj oficialaj eldonaĵoj de la Asocio.

*Jarlibro 1929.* — Ni informas, ke ni povas akcepti anoncojn (reklamojn) ĝis la fino de la nuna monato. Ni speciale atentigas pri la kovrilpaĝo ekstera kies prezo estas Fr. 250.00 kaj pri la internaj kovrilpaĝoj po 200 Fr. sv. Maklero al akiranto de mendo estas 20 %. Pri speciala kondiĉoj oni skribu al la Centra Oficejo de UEA.

**Novaj delegitoj.**

*(En lokoj kie ne estis D)*

*Calloo* (Belg.). D.: S-ro R. Van Gerven, Melseledijk, 8. VD.: S-ro Armand Smet, Molen.
*Cattolica* (Ital.) D.: S-ro G. M. Piubello, Pensione Veronese, Viale Marconi Nr. 5.
*Dinan* (Franc. C. du Nord). D.: S-ro G. Dorel, Représentant, poste restante.
*Fresno* (U.S.A. Calif.) D.: S-ro D.R. Metzler, Route A, Box 389. VD.: S-ro Arra S. Avakion, 1522 La Salle Avenue
*Gottleuba* (Germ. Sa.) D.: F-ino Fl. Weicholdt, Hartmannsbach 8.
*Haiger* (Germ.) D.: S-ro E. Brandt, Am Hofacker, 4, I.
*Holmestrand* (Norv.) D.: S-ro Olaf Stören, ĉefinstruisto.
*Jimbolia* (Rum. Banato). D.: S-ro Peter Gerger, fotografisto.
*Kaltenleutgeben* (Aŭstr.) D.: S-ro J. Pich, Haupstrasse, 61.
*Lienz* (Aŭstrio). D.: S-ro A.-Josef Kirchner, Gartengasse, 1.
*Lincoln* (U.S.A. Nebr.) D.: S-ro J. Ed. Bauman, Hotel Nebraska.
*Lowell* (U.S.A. Mass.) D.: F-ino R.E.J. Seavey, by Lowell, R. F.D. 2 Haverhill Street, Dracut
*Nowogródek* (Pol.) D.: S-ro Michal Chmielinski, Dyrekcia Robót Publicznych.
*Pernitz* (Aŭstr.) D.: S-ro J. Berger, No 152.
*Philippeville* (Alger.) D.: S-ro G. Ad. Salziger, Case postale 47.
*Rennes* (Franc. Ille et Vilaine). D.: S-ro C. Picoux, 101, Bd. de Sévigné.
*Sarajevo* (Jugosl.) D.: S-ro Ed. Franceschi, Gradska elektrana.
*Sigmundsherberg* (Aŭstr.) VD.: S-ro Ed. Bauer, fervoja oficisto.
*Súgandafjördur* (Islando). D.: S-ro Halldór Kr. Kolbeins., pastro.
*Saint-Ouen* (Franc. Seine). D.: S-ro Louis Mandy, 10, Rue Marcel-Sembat.
*Saint-Soupplets* (Franc. Seine et Marne). D.: S-ro M. Fabert.
*Tatar Pazarĝik* (Bulg.) D.: S-ro Ivan Konstantinov, Makedonski Kvartal.
*Traŭnstein* (Germ.) D.: S-ro Willi Duregger, Scheibenstrasse, 22.
*Vendas Novas* (Port.) D.: S-ro José dos Reis Pires, E.P.A.
*Waterloo* (Belg.) D.: S-ro Léon Minon, « La Roseraie », Drève Richelle, 11.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.*

* * *

**Ŝanĝoj.**

*Aachen* (Germ.) D.: S-ro Alfred Dormanns, Wirichsbongardstr. 9.
*Aloja* (Latv.) D.: S-ro Jãnis Ringa, Jaunslangã.
*Angers* (Franc.) VD.: S-ro J. Pogoreckis, 20bis, Rue d'Iéna.
*Bischofswerda* (Germ.) VD.: S-ro W. Sperling, Stolpenerstr. 5a.
*Bratislava* (Ĉ.S.R.) Kom. D.: S-ro Alex. Tauber, Michalska, 10.
*Buenos-Aires* (Argent.) 2-a VD.: S-ro G. Bruno López, Str. San Pedrito, 341.
*Buffalo* (N.Y.-U.S.A.) VD.: S-ro L.C. Seelbach, 163, Davidson St.
*Gent* (Belg.) VD.: S-ro Frans Deman, 177, Rue des Prêtres.
*Hanko* (Finl.) D.: S-ro V. Hentunen, Ratakatu 23.
*Helsinki* (Finl.) VD.: F-ino E. Tamminen, Siltavuorenkatu 4.A.16.
*Horrem* (Germ. Rheinl.) D.: S-ro H. Dahmen, Fr. Offergeldstrasse.
*Kolberg* (Germ.) D.: S-ro Otto Jurczyk, Nikolaistr., 4.
*Lappeenranta* (Finl.) VD.: S-ro Kalle E. Kunnassalo, instruisto.
*Levallois-Perret* (Franc. Seine). VD.: S-ro E. Ferrari, 12, Rue Valentin.
*La Rochelle* (Franc.) D.: S-ro M. Girard, Rue du Canada.
*Lodz* (Pol.) VD.: S-ro I. Lejzerowicz, Skewerowa 20.
*London* (Britl.) Liter. aferoj. S-ro Sturmer, 166 Brixton Rd. SW 9.
*Maffersdorf* (Ĉ.S.R.) D.: S-ro E. Laurich.
*Marseille* (Franc. B. du Rhône). VD.: S-ro René Deshays, 140, Rue Paradis.
*Plovdiv* (Bulg.) VD.: S-ro A. Miller, Ul. Diustabanov, 28.
*Tallinn* (Eston.) VD.: S-ro Edg. Eeik, S. Laagri 4-8.
*Toronto* (Kanada). VD.: S-ro D.W.M. Jenkins, 514 Jarvis Street.
*Wien* (Aŭstr.) D.: S-ro Hans Spitzer, Pointengasse, 7, XVII.
*Prostêjov* (Ĉ.S.R.) VD.: S-ro Fr. Heikenwälder, Filipcovo nám. 1.
*Roubaix* (Franc.) VD.: S-ro G. Brocquevielle, 35, Rue de Lannoy.
*Salzburg* (Aŭstr.) VD.: S-ro Karl Flach, Gstättengasse, 41. Kom. D.: S-ro H. Hinterhuber, Linzergasse, 7.
*Siauliai* (Litov.) D.: S-ro J. Zmudskis, Tilzis 9-ve W. 194.
*Spa* (Belg.) VD.: S-ro J. Desonay, Villa du Mesnil, Rue Souvenière.
*Saint-Quentin* (Franc.) D.: S-ro Ch. Violette, 52, Bd. Gambetta.
*Thomery* (Franc.) D.: S-ro Emile Tison, Rue Marceau.
*Warmbrunn* (Bad) (Germ.) VD.: S-ro R. Neumann, Voigtsdorferstr. 57.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

Brignoles, Franc.; Calvi, Franc.; Deurne, Nederl.; Kolding, Dan.; Lankowitz, Aŭstr.; Meaux, Franc.; Nevevklov, Ĉ.S.R.; Opatów Kielecki, Pol.; Polanka Nizná, Ĉ.S.R.; Werdau, Germ.; Westhoughton, Britl.; Wolfen, Germ.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | Lokoj kun delegitoj |
|---|---|
| Stato je la 25 Decembro 1928 | 1.652 |
| Forstrekoj de la 26a Decembro ĝis 25.I.29 | — 12 lokoj |
| Sumo | 1.640 lokoj |
| Delegitoj en 25 novaj lokoj kaj 7 lokoj antaŭe forstrekitaj pro nepago de la kotizo sumo | + 32 lokoj |
| Je la 25.I.1929 UEA kalkulis Delegitojn en | 1.672 lokoj |

Genève, 25a de Januaro 1929.

HANS JAKOB, *Direktoro de UEA.*

# Esperantista Vivo

*Fianĉiĝo.*

S-ro *Dionisios Asimakopulos*, prezidanto de la Pirea Esperantista Grupo en Greklando kun F-ino kies nomon oni ne komunikis al ni.

*Naskiĝoj.*

Al gesamideanoj *Blanka* kaj *Johano Della Savia*, delegito de UEA en Udine, filino Andreina, 6 Jan. 1929.

Al gesinjoroj *Milada* kaj Inĝ. *Ladislav Daniel*, membro de UEA en Pardubice, Ĉeĥoslovakujo, filino nomita Danuŝka.

*Edziĝo.*

S-ro *Miloŝ Lukaŝ*, Delegito de UEA kaj Dumviva membro en Trnava kun F-ino Liduŝka Kosova, 31.XII.1928.




## Esperanta Radio-Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.
*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO 13. JAN.

07.00. — *Moskva*, 1.450 m. — K. Nov. — 60 min.
08.20. — *Langenberg*, 468,8 m. — Aachen, Köln, Münster. — P. 10 min. P.: S-ro Dormanns.
08.30. — *Langenberg*. K. — 25 min.
13.00. — *Minsk*, 949,6 m. — K. — 60 min.

LUNDO 14. JAN.

17.30. — *Kiev*, 775 m. — K. — 30 min.
18.50. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — P. — 10 min.
19.00. — *Bern*, 411 m.; *Basel*, 1.010 m. — 30 min. — K.

MARDO 15. JAN.

19.15. — 19.15. — *Minsk*, 946,6 m. — P.: Snejko: keelektoj de Sovjetoj en B.S.S.R. — 30 min.

MERKREDO 16. JAN.

16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.45. — *Wien*, 517,2 m. Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — P.: S-ro Smital. — 10 min.
19.00. — *Bruselo*, 508,5 m. — K. — 30 min.
19.30. — *Oslo*, 461,5 m. — Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — 30 min. — K.

JAŬDO 17 JAN.

19.15. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — Informoj. — 5 min.
19.30. — *Madrid*, 375 m. — K. — 30 min.
21.00. — *Paris*, P.T.T., 458 m. — K.: 15 min.

VENDREDO 18 JAN.

16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.00. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 10 min.
19.15. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 30 min. — K. ĉiun duan vendredon. — P.: D-ro Vogt.
19.50. — *Zürich*, 588 m. — P. — Ĉiun 2an vendredon. 10 min.
20.00. — *Tallinn-Reval*, 408 m. — 5 min. — Par.: S-ro V. Vaher. Semajna informo pri kultura kaj ekonomia vivo.
20.35. — *Genève*, 760 m. — P.: S-ro Bouvier. — K. — 10 min.

SABATO 19 JAN.

18.25. — *Breslau*, 322,6m. *Gleiwitz*, 329,7 m. — 10 min.
18.55. — *Königsberg*, 303 m.; *Danzig*, 272,7 m. — 5 min.
22.15. — *Bruselo*, 508,5 m. — 5 min.
22.30. — *Leningrad*, 1.000 m.
— — *Madrid*, 375 m. — P.

SENREGULAJ DISSENDOJ

19.00. — *Nürnberg*, 241,9 m. München, Augsburg, Kaiserslautern: Kp Par ĉiun dekan tagon plej ofte lunde aŭ jaŭde. — 30 min. — Par.: A. Starke.
— — *Frankfurt*, 428,6 m. Kassel. — K laŭ lernolibro de Degen. Kp laŭ Unua Legolibro de Kabe. — 30 min.

## Nova konkurenco : Radio kaj gazetaro

Estas ja konata fakto, ke ĉiu progreso en homa civilizo riskas malutili al iu aŭ alia ĝisnunaĵo kaj iom post iom preni ĝian lokon tute aŭ parte. Pro tio ekzistas ĉiam forta kontraŭeco al ĉiu novaĵo flanke de iuj kies interesoj estas minacataj reale aŭ nur image.

Vidu Esperanton: ĝin malamas kaj malhelpas tradukistoj kaj profesoroj de fremdaj lingvoj, kvazaŭ ĝia sukceso nepre forprenos la panon el ilia buŝo morgaŭ. Multe pli saĝe kaj trankvilige por ili estus lerni la lingvon kaj sin pretigi ludi la novan rolon sambone kiel la malnovan, eĉ pli bone, ĉar vere instruado de Esperanto blankigos malpli da haroj ĉe malfeliĉaj instruistoj ol encerbigado de tiom da malregulaj verboj kaj deklinacioj! Cetere ni havu paciencon.

Kiam oni eltrovis aŭtomobilojn, mi konis du vendistojn de ĉevalingaĵoj, seloj, jungiloj, piedingoj, k.t.p. tre timigataj. Unu eksidis, ploradis kaj bankrotis, la alia ekstaris, fabrikis aŭtomobil-seĝojn, — kusenojn, — ledaĵojn, kaj riĉiĝis.

Kiam disvastiĝis radio-aŭdado, la fabrikantoj de gramofonoj spertis tre malagrablan momenton. Dum unuaj du jaroj la vendado ĉie falis. La homoj alkuris al la novaĵo. Sed vetero kaj tempo savis la gramofonon. Atmosferaj okazaĵoj interrompis per bruado la koncertojn. Ankaŭ la homoj laciĝis esti sklavoj de fiksitaj hortabeloj. Ili emis aŭdi muzikon ĝuste tiam, kiam neniu radio-stacio estis funkcianta. Ne nur sinjorinoj, ankaŭ viroj!

Dume, la gramofonindustrio nek ploris, nek rezignaciis al bankroto: ĝi zorge utiligis la radio-mikrofonojn por produkti multe pli bonajn diskojn ol antaŭe kaj nun la vendado realtiĝis kaj eĉ kreskis multe pli vaste ol iam ajn. La homoj ja povas nun aŭdi ion perfektan laŭ elekto kaj je momento preferata.

Post la gramofonoj la radio-aŭdado renkontis survoje la gazetaron, la plej potencan povon sur ĉi tiu tero post tiu de l' diablo. Tuj la gazetaro flaris la danĝeron kaj tre ŝpareme priparolis la malamikon. Tamen la publiko devigis. Malvenko plena: la malbonvolaj ĵurnaloj rifuzantaj tiom da manuskriptoj « pro manko de loko » nun devas enpresi ĉiutage plenan kolonon da radio-programoj « Vae victis »!

Sed ilia suspektema flaro estis prava. Post tiu grandioza venko la radio-stacioj, anstataŭ kontentiĝi, komencis malagrable tikli la gazetaron. Unue ili eldonis telegrafajn novaĵojn ĉiutage je du aŭ tri difinitaj momentoj. La stacia « parolisto » legis la lastajn depeŝojn pri la sano de la reĝo, la elekto de la prezidanto aŭ la sukceso de la nacia ekipo ĉe internacia pilkludo.

Ekgrimacis la redakcioj. Poste venis « regulaj kronikistoj ». Ĉiu diris sian kelkminutan komentarion aŭ babilaĵon pri arto, teatro, tribunaloj, ekstera politiko, sportoj, k.t.p. Tiam la redakcioj ekkoleris serioze. En iuj landoj la afero eĉ komplikiĝis per endiro de reklamoj inter la paroladoj. Komerca propagando estis uzata por pagi la elspezojn de la radio-stacio. Tiam ekĵaluzis ne nur la redakcioj, sed la administracioj de gazetoj kaj la afero fariĝis tragedia.

En landoj de libereco kaj malordo pri radio-aferoj, la batalo daŭros, kaj oni vidos. En landoj de ordo per ŝtata monopolo la gazetaro sin defendas tre sukcese kaj devigas la registaron haltigi la ĵurnalistan fervoron de la radio-stacioj. Efektive la ŝtato timas atakojn. El la radio-stacioj venos neniu, ĉar ĝi superregas ilin, sed el la redakcioj povas pafi mortigaj fulmoj. Politika prudento preferas do malkontentigi la radio-kampon, malpermesante parolatajn gazetojn.

Tiel iras kaj reiras la batalo. Sed la gazetaro eble uzis malprudente sian terurpovon en la nuna modo de diktatoraj

registaroj. Ilin minacos iam venĝe la registara cenzuro kaj ili pentos.

Pli saĝe estus imiti la ekzemplon de la gramofonoj. Pro multaj similaj kaŭzoj, tempo de la manĝoj, loko de la brakseĝoj en la domo, neceso konservi iajn tekstojn, bezono de papero por la kuirejo, k.t.p. k.t.p., la presata gazetaro havas ankoraŭ tre fortan avantaĝon kontraŭ sia parola konkurenco. Trankviliĝu redakcioj! *Aŭdanto — Leganto.*

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO C. E. GATES, Eks-Serĝento, el Cambridge. Ĉiu vizitinto al la Kembriĝa Kongreso sendube memoros la policano-interpretiston, kies afablaj servoj helpis multajn alilandajn kongresanojn. 30 Nov. 1928.

S-RO GEORGE THOMSON, en Edinburgh. S-ro Thomson estis altŝatata membro de la B.E.A. kaj de la grupo en Edinburgo. 5 Dec. 1928.

S-RO DARIO CAMI, ano de UEA kaj de la grupo esp. en Mantova. — Dec. 1928.

S-RO FRANZ THUM, ano de UEA 30645, VD en Seifhennersdorf, Sa. German. — 3 Jan. 29.

S-INO HENRIETTE ZAPATER, nask. de Chalmot, edzino de blinda samideano Baldomero Zapater en Köln. German. — 26 Dec. 1928.

S-RO ZIEDONIS INDRA, ano de UEA n-ro 17003 en Riga, Latvolando, frato de delegito loka. Siatempe li kunlaboris en « Esperanto » kaj ankaŭ verkis en Esperanto libron pri Latvio, tradukitan litoven, kiu ĝis nun restas plej detala informilo litovlingva tiuspeca. Dum la lastaj jaroj pro malsano li retiriĝis de aktiva kunlaboro en lokaj esperanto rondoj, sed ĉiam konservis intereson por nia movado.

S-RO ALEKSANDRO ANTONS, Delegito de UEA en Aloja, Latvolando. Kvankam tre okupita li ĉiam havis intereson por Esperanto kaj laŭforte akcelis ĝian disvastigon.

S-RO A. K. BLOSFELDS, delegito de UEA en Varaklani, Latvolando.

S-RO VOJTECH KRAUS, magistrata oficejestro, Delegito de UEA kaj nia honora membro. Li estis delegito depost la komenco de UEA kaj lia adreso aperis jam en la unua jarlibro de UEA. Dum 20 jaroj li pacience kaj lerte servis al la membroj de UEA, nekonata al la esperantista popolo tutmonda, sed honorata kaj amata de ĉiu, kiu konis tiun ĉi modestan viron. Estu honorata lia memoro!

S-INO MURGATROYD, en Burnley, 82-jara, la 12an de Novembro. Si ĉeestis la Antverpenan Kongreson, kaj estis unu el la plej malnovaj kaj fervoraj Esperantistoj.

D-RO JAMES CHARLES O'CONNOR, ĉe Esperanto Villa, Faversham, je 28 Novembro, 75-jara. Li naskiĝis en Cork, kaj edukiĝis en Trinity College, Dublin; poste en Germanujo, kie li fariĝis Doktoro de Filozofio. Lia personeco estis malofta kombinaĵo de mensa precizeco kun riĉa imago kaj temperamento varma kaj larĝkora. Li estis genia instruisto, kaj en la fino de profesora kariero en Germanujo liaj germanaj studentoj portis lin surŝultre. Ĉiu temo viviĝis je lia tuŝo. Li vojaĝis en multaj landoj, kaj havis interesojn tre diversflankajn. Li aliĝis al la Roma eklezio. La lastan duonon de sia vivo li dediĉis grandaparte al Esperanto, kaj ĉie paroladis kun apostola fervoro, gajnante si la titolon, « la patro de Esperanto en la angle-parolanta mondo ». Lia lernolibro estis dum multaj jaroj preskaŭ la sola serioza instruilo por angleparolantaj lernantoj; kaj li verkis aliajn librojn pli malgrandajn. Dum kelkaj jaroj li redaktis « La Esperanta Instruisto ».

S-RO PAUL FAST, delegito de UEA en Königsberg i. Pr. 28.X.28 (Germanujo). Dum du jardekoj li estis vic-delegito kaj poste delegito de nia asocio kaj multe plialtigis la nombron de ties membroj. Jam en 1910 li verkis gravan gramatikon de



S-ro Paul FAST, †

Esperanto. De tiam li estis ŝatata kritikisto por lernolibroj, kaj multaj lernolibroj pliboniĝis en posta eldono sekve de liaj korektoj. Preskaŭ 74jara li laboris ĝis malfrue en la nokto ĉe la preparaj laboroj de l' Danziga mondkongreso. La Königsberga grupo perdis je lia morto unu el siaj kunfondintoj.

F-INO GRACE SHERRIS, el Clacton-on-Sea, pro pneŭmonio, je 27 Julio 1928.

S-INO WATZINGER, edzino de nia Vicdelegito en Villach, Aŭstrio, 30 jara multe partopreninta la laboron de la edzo por nia ideo.

S-RO DIMITR IVANOV, patro de la Delegito de UEA en Ruse-Rusĉuk, Bulgar. 26-12-28.

S-RO MEHMET ĜEVDET BEY, ano 30540, en Smyrna, 14 Decembro 1928.

*Sinceran kunsenton!*

## Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas

* S-ro Inĝeniero *M. de Balzac*, Delegito en Torino dankas al D-ro Fulda, Delegito en Berlin por bone plenumita servo dum vizito.

* S-roj *Willy Krey* kaj *Kurt Herold*, Anoj de el Leipzig, kore dankas al la samideanoj en Svedujo, Norvegujo, Danujo kaj Finnlando. Dum ilia duonjara piedvojaĝo tra Skandinavio ili multloke povis ĝui la helpemon kaj gastamecon de la esperantistoj.

* S-ro *I. H. Krestanoff*, DM de UEA en Parizo tutkore dankas al la gesamideanoj en Oostende, Bruges, Gent, Mechelen, Antwerpen, Bruxelles, Louvain, Liége kaj Charleroi kiuj helpis lin dum lia paroladvojaĝo tra Belgujo.

* Kun 183 akademianoj, inter ili 70 katolikaj pastroj kaj 70 virinoj mi faris kun mia edzino en Aŭgusto vojaĝon al Egipto kaj Palestino. Mi havis okazon paroli kun jenaj samideanoj: S-ro Stefanelli, D de UEA en Trieste, kie min atendis en la stacidomo dudeko da samideanoj; S-ro Fantasia, D de UEA en Brindisi, kie mi povis paroli nur el la ŝipo; S-ro Finebloom, Membro de UEA en Jerusalemo kie mi estis bone informita pri la Zionista movado kaj al S-roj Wagner en Steyr kaj Franz en Wels.

* S-ro *J. Jeleniĉ*, vicdelegito de UEA en Ljubljana, Jugoslavio esprimas plej korajn dankojn al S-roj Lindemann kaj Pohlig en Berlin, S-roj Markau kaj Müller en Potsdam, S-ro Alzinger en Regensburg kaj al S-roj Tressel, Koch kaj Jenuwein en München pro iliaj afablaj servoj dum vojaĝo.

* Gesinjoroj *Andrews* el Feilding, Novzelando reirinte hejmen post du-kaj duonjara vagado dankas la esperantistojn de Londono, Parizo, Niceo, Romo kaj Brisbano pro ilia afabla akcepto kaj helpo.

### Oni informas

Sekve de nia informo en la n-o 10 1928 de *Esperanto* rilate al la eldono de *Plena Vortaro de Esperanto*, ni ricevis abundan korespondaĵon. Tio pruvas, ke la entrepreno vekis grandan intereson en la tuta Esperantistaro. Tial ke ni ne povas respondi letere al ĉiuj informpetantoj, ni uzas la afablecon de la Redakcio de *Esperanto* por sciigi: 1) Ke ni jam ricevis, ĉu prunte, ĉu per antaŭpagoj por jam menditaj ekzempleroj, sufiĉe da mono por pagi la kostojn de la eldono. Sekve ni ne plu konsentas la favoran prezon post la dato, kiun ni difinis. 2) La litero *A* estas jam kompostita kaj oni povas esperi, ke la tuta voluma aperos en la jaro 1929. Almenaŭ nia Kolektivo diligente laboras kaj penas por liveri akurate manuskriptojn al la presisto. 3) Estas antaŭvideble, ke post la apero de la verko ni devos iom altigi la prezon. Tial la interesatoj havas profiton jam nun mendi kaj antaŭpagi la libron. Ili ja ricevos ĝin tuj ĉe la apero por la nuna tre modera prezo: broŝurita 6 RM; kartonita: 7 RM germ. 4) Sendube interesos la legantojn ekscii, ke jam preskaŭ 1200 ekzempleroj estas menditaj kaj antaŭpagitaj.

*Direkcio de S.A.T.*, 23, rue Boyer, Paris (XXe).

### Oni proponas

Se estas permesite mi faros unu atentigon. Mi proponas nome al la estontaj verkistoj de lernolibroj, ke ili je la fino de la verko ĉiam aldonu la alfabetan vortareton de ĉiuj vortoj uzitaj en la lernolibro. Tio estas tre necesa al la komencantoj ĉar se dum lernado oni forgesas vorton en la ĝusta apliko oni pli facile trovos ĝin. Tio ne pliampleksigos la libron se oni kalkulas ekzemple 1200 da vortoj uzataj. — *Karlo Mikoŝ*, instruisto, Tarnobrzeg, Polujo.

### Oni petas

Jam longan tempon mi preparas grandan Esp. enciklopedion kun helpo de kompetentaj samideanoj diverslandaj. Ĝi estu enciklopedio Esperantista kun vico de artikoloj pri pioniroj, skizoj, biografioj, esp. gazetoj k.t.p. Mi deziras do ricevi aŭtobiografiojn de famaj esperantistoj (jaro, dato urbo de deveno, instruiteco, ofico, jaro de aliĝo al la movado, partopreno en ĝi kaj specialaj laboroj aldoninde estas fotografaĵo. Kun antaŭa danko. — *J. Sirjaev*, Baklanka, Vologda gub, Sovetunio.

---

Antaŭ kelkaj jaroj la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj petis la direkcion de la Svisa Fervojaro ŝtata pri subvencio de esperanto-kursoj. Tion ĝi plenumis kaj pagis de tiam la kurskotizojn.

En 1925 la administracio eldonis turistan karton pri kies sukceso jam aperis raporto en « Esperanto », januara numero.

Favoraj al nia movado kaj asocio ne nur estas la ŝtatfervoja direkcio sed ankaŭ la fervojistaj sindikatoj en Svislando, kies membrostato nuntempe estas 4400 fervojistoj. La sindikata gazetaro de jaroj konsentis al nia asocio specialan angulon por Esperanto.

Ne sufiĉas tiu favoro. Nia movado nepre bezonas oficialan apogon flanke de nia ŝtatfervoja administracio. Ĝi instigu sian dungitaron al lernado de Esperanto kaj permesu al la deĵoranta esp. fervojisto distingiĝi kiel esperantisto per insigno sur la uniformo.

Nia asocio deziras decidigi la ĝeneralan direkcion imiti la ekzemplon de alilandaj administracioj fervoja, poŝta, polica, k.a. Por ke la petskribo estu konvinkiga ni estus tre dankemaj se ĉiu samideano bonvolus alsendi reskriptojn de sia administracio pri portado de brakrubando aŭ stelo kaj eventuale fotografaĵojn. Tiaj dokumentoj estos al ni nepre necesaj por alia ne malpli grava ofero.

*Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj.*
Prezidanto: Jules PERLET,
Adreso: poŝtkesto transito 560, Bern (Svislando).

---

## En kelkaj linioj...

*** La libreja fako kaj publikiga departemento de la Centra Ekzekutiva Komitato de l' Kuomintang, la ĉina naciisma partio skribis en Esperanto kun peto komuniki ke oni sendu esp. librojn kaj presaĵojn. Adreso: Central Executive Committee of Kuomintang (Library and publicity Departments, Nanking, Ĉinujo.

*** Internacia Scienca Asocio Esperantista informas ke la grava biblioteko de la iama Centra Oficejo Esperantista, 51 rue de Clichy, Paris, kolektita dum jaroj de Generalo Sebert estis translokigita al la granda biblioteko de la pariza Komerca Ĉambro. Ĉi formas apartan fakon kaj estas je la dispono de la esperantistoj. En la biblioteko de la Komerca ĉambro, interesitoj trovos komfortan legejon por studi kaj foliumi la verkaron en nia lingvo. La adreso estas: 27 Avenue Friedland, Paris VIII proksime al Arc de Triomphe de l'Etoile. La biblioteko ampleksas 3.000 numerojn kaj entenas ĉion ĝis komence de la milito.

*** Firmo Rudolf Mosse, en Berlin, komunikas —, la Biblioteko Tutmonda decidis prokrasti la daŭrigon de tiu-ĉi bela kaj interesa kolekto.

*** La Nacia Kongreso de Italaj Esperantistoj okazinta 1928 en Perugia nomis sinjoron Gaetano Facchi reprezentanton de la itala Esperanto Movado por la eksterlando. (Informo jam veninta dum oktobre 1928 sed pro teknika kaŭzo ne aperigita.)

*** La mondkonata firmo Cadbury Bros, Ltd., Bournville, England, nun fabrikas skatolojn de « Esperanto » ĉokoladoj. Ili vendas ilin pere de la ordinaraj butikoj, kaj enmetas en ĉiun skatolon folieton pri Esperanto. Bona, senpaga propagando!

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Abbiategrasso* (Italujo, Milano). — S-ro Paolo Bossi, San Martino 5, fraŭlo, diplomita komerca agento, L nur kun komercoficistinoj ĉiulandaj. Akurate resp.

*Aïdin* (Turkujo). — S-ro Ismet Nuri, Tabakejo, PI.

*Aïdin* (Turkujo). — S-ro Mehmet Ulvi Teneked, PI.

*Amsterdam.* — S-ro N.A. Zilver, Dadrak 95, PM, ekskluzive mezeŭropajn, malakceptas bagatelajojn.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Julio Megyeri, PI, L, precipe kun samideanoj el Argentinio, Buenos Aires. Nepre respondas.

*Braunau-Voigtsbach* (Ĉehoslov.). — S-ro Rud. Scholz, 20jara kun italaj kaj hispanaj gitaristoj kaj gitaristinoj.

*Bodzentyn* (Polujo, Kielce). — S-ro Stanislaw Bogdanowicz, Poŝtkesto 10 Poczt. skr., L, PK kun vegetaranoj, rozkrucanoj, kvakeroj.

*Budapest.* — S-ro D-ro Gyula Lukács, VII, Pillangó utca 13-III, PK, L, k.ĉ.l.

*Bzenec na Moravê* (Ĉehoslovakio). — S-ro Frederiko Kuhner, PM, PI, L kun orientaj landoj kaj Aŭstralio. Respondo garantiata.

*Cambridge* (Anglujo). — S-ro Kenneth Twinn, 25, Humberstone Road, L, fot-ajo, seriozaj temoj kun angloparolantino 16-20 jara rusa, germana, norvega aŭ franca.

*Como* (Italujo). — Esperantista grupo, Via Vittorio Emanuele 35, seriozaj gesamideanoj, L, PI, k.c.l. Certe respondos.

*Česká Skalice* (Ĉehoslovakio). — S-ro Bohuslav Pokorny, PM, k.c.l. Tuj ĉiam respondas.

*Debreczen* (Hungarujo). — S-ro József Szabó, Klapka utca 7, L, PI, k.ĉ.l.

*Den Helder* (Nederlando). — S-ro E. Govers Koningstraat 10, PI kun bildoj de reĝoj, ŝtatestroj, naciaj kostumoj objektoj por ekspozicio.

*Erlbach bei Markneukirchen* (Germanujo). — S-ro Erich Konrad, violonkonstruisto, PI, L, pri seriozaj temoj.

*Ferdinand* (Bulgarujo). — S-ro Dimitr Tomov, sledovatel, PI, L, precipe kun fraŭlinoj.

*Forssa* (Finnlando). — S-ro Osmo Lautela, PM, k.ĉ.l.

*Görbersdorf in Schlesien* (Germanujo). — S-ro Max Jung, muzikisto, PI, PM, k.ĉ.l.

*Hateg* (Rumanio, jud. Hunedoara). — S-ro Adolfo Hirsch, bankoficisto, L, PI, naciajn revuojn k.ĉ.l. Volonte kun ekstereuropanoj kaj samideaninoj.

*Hateg* (Rumanio, jud. Hunedoara). — S-ro Andreo Mayer, « Sindicatul », PM, PI, k.ĉ.l. Certe respondas.

*Hilversum* (Nederlando). — S-ro E. van Tengeren, Kl. Drift, 37 B. PI, L, PK, k.ĉ.l. Certe respondos.

*Hirschberg* (Germanujo, Schlesien). — S-ro Bernhard Meissner, Museumsstrasse 2, PI, bfl. PM, L, k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Horice v Podkrkonoší* (Ĉehoslov.). — S-ro Josef Kunc Komenského 275, PM, k.ĉ.l. Tuj respondas ĉiam! Kĉ 6.—.

*Hradec Králové* (Ĉehoslov.). — S-ro František Rybiŝar, studento, Palackého 359, PM, k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Hradec Králové* (Ĉehoslov.). — S-ro Josef Borovec Dêkanské náměstí 60/61, PM, k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Hradec Králové* (Ĉehoslovakio). — S-ro Rudolf Vejnar, Velké Náměstí 135. PI, L, k.ĉ.l.

*Huddersfield* (Angl.). — F-ino Morton, instruistino de Esperanto, Beaumont Str., Council School, deziras trovi korespondantojn por siaj kursanoj geknaboj de 11 ĝis 14 jaroj. Skribu rekte al ŝi.

*Ĥarkov* (Ukraino, Sovetunio). — S-ro K. Hagman, ulica Ĉerniŝevskaja 34 A. Stupel, (dla K. Hagman), PI, L, Esp. Hispane, Itale ,France, Portug.

*Janjina* (Jugoslavio). — S-ro Ante Marinovič, Delegito de UEA, PM, k.ĉ.l.

*Jaunpils* (Latvolando). — S-ro Janis Egle, poŝtoficisto, pasta kantori, PI, L, k.ĉ.l. Respondos nepre.

*Jicín* (Ĉehoslov.) — S-ro František Ritter, Knotkova 112, PM, PI, bfl. G. k.ĉ.l. Ĉiam respondas. 6.—.

*Jičín* (Ĉehoslovakio). — S-ro Emil Kobylka, Knotkova 112, PM, jubileajn, PI, G, k.ĉ.l. Tuj respondas.

*Kerkrade* (Nederlando). — S-ro J. Melchiors, 22 jara, L, PK, PI.

*Konecchlumí 12. u Jičína* (Ĉehoslovakio). — S-ro Pavel Mejsnar, PM, PI, bfl, k.ĉ.l. Certe respondas.

*Kopidlno* (Ĉehoslovakio). — S-ro Jaroslav Simunek, Jičinska 254, belajn PM, k.ĉ.l. Ĉiam tuj respondas. Kĉ 6.—.

*London S.E. 7.* — S-ro E.H. Sandoe, Caledon Road, Charlton, L pri moderna arto, religio, moroj, PI, fot-ajojn.

*Pestszentlörinc* (Hungarujo). — S-ro Istvan Puskás, policoficisto, Bókai Arpad utca 78, nur L pri ĉiu temo k.ĉ.l. Certe respondos.

*Plzeň* (Ĉehoslovakio). — F-ino Marie Máchová, Vrchlického ul. 14, PI, L, k.ĉ.l.

*Príbram III.-41* (Ĉehoslovakio). — S-ro Lad Bartunêk, PK, PI, L, k.ĉ.l.

*Mitchell* (U.S.A., South Dacota). — C.H. Gibbons, c/o Faith Home. Mi ne respondos al karto aŭ filatelisto, sed mi ĉiam kaj nepre kaj tuj respondos al letero, speciale pri vera kristanismo. Ĉiulanduloj bonvenu.

*Mollet* (Hispan. Barcelona). — S-ino Sara Ullastres, instruistino, L, PK kun geeinstruistoj.

*Moskvo* (Sovetunio). — S-ro Nikolaj Nikiforov Schaschkin, Poste Restante, Potschtamt Mjasnizkaja 26A, PI, PM (nestampitaj) k.ĉ.l.

*Ripollet* (Barcelona, Hispan.). — Esperanta Nesto, Str. Calvari 9, katalunaj samideanoj PI, K, k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Ripollet* (Barcelona). — S-ro Antoni Valls Riviralta, prez. de grupo Esperanta Nesto, L, PK kun muzikistaj fraŭlinoj.

*Teius, II* (Rumanio, Transilvanio). — S-ro Stamatian Paŭlo, PM, PI, L, k.ĉ.l. Certe respondos.

*Valdice 25 ĉe Jičín* (Ĉehoslovakio). — S-ro Frant. Horĉiĉka, PM/ ankaŭ ĉsl. jubileajn/ PI, k.ĉ.l. Certe respondas.

*Warszawa* (Polujo). — S-ro Stanislaw Ostrovski, kol. Grodgera 2 Pogodna PM kun Rusujo laŭ Yvert. De aliaj landoj mi ne akceptas.

*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Rafael Gaston, Paseo Sagasta 12, entresuelo, por kelkaj gesamideanoj, PI, L, k.ĉ.l. Nepre resp.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Eldono.* — S-ro I.H. Krestanofl L. K., 8 rue Boutebrie, Paris V, intencas eldoni libron. — Tra Eŭropo per Esperanto- ilustritan 100 paĝan. Antaŭpagintoj ĝuas favoran prezon de 1,25 Frk. sv. 1 RM, 1 ŝilingo po ekzemplero. Por akceli la eldonon de tiu verko la aŭtoro vendas duonpreze « Bulgara Antologio » n, por Frk. 2.50 anstataŭ 5 Frk. sv.

*Festgazeto* de la esperantista grupo en Riesa an der Elbe, Sachsen, German. Ricevebla de la grupo kontraŭ sendo de 0.50 RM.

*Fidindaj interŝanĝistoj serĉataj!* — PM ĈSR: punmarkoj, provizoraj, jub.leaj, Germanio, Bavario kontraŭ alilandaj. Oferto ĉiam validanta. S-ro V. Krejĉí, Praha-XII. Moravská 27a. Ĉehoslovakio.

PRESEJO A. GRANCHAMP, ANNEMASSE.